KVINA JARO
NO 1

APRILO
1926

# LITERATURA MONDO



BELDONAS: HUNGARA ESPERANTO INSTITUTO • BUDAPEST • EÖTVÖS UTCA 3.

## LETERKESTO

**Du anglaj samideaninoj**, dezirantaj resti nenomitaj, donacis al L. M. kvar (4 £) anglajn funtojn. Tutkore dankante ilian bonvolan helpon ĉi tie ni kvitancas la ricevon de la sumo, kiu sukcese akcelas la forigon de nia deficito.

**Al est. Redaktoro de la „Konkordo".** Vere kolega konduto, imitinda ekzemplo estis la bonvola represo de nia artikolo *„Ĉu mortis aŭ dormas la konscio de la Esperantistaro?"* Koran dankon! Ni ne forgesos por okaze rekompenci tion, kio espereble multon helpas en la kriza periodo de nia revuo.

**Al est. Redaktoro de „International Language".** Ni konfirmas la ricevon de viaj š.) letero kaj gazeto. La unua servas je nia kuraĝigo; la dua — espereble helpos bone nian aferon. Akceptu koran dankon por via afabla komplezo.

**R. H. Hamburg.** Memkompreneble vi ne ricevis la nov. kaj *dec.* numerojn, ĉar ili ne aperis. Bonvolu atenti la numerigon. Januaro (11a), Februaro (12a). Ĉiu abonanto ricevis plenan (dekdu numeran) jarkolekton, kies enhavtabelo estas aldonita al la nuna (Va jaro No 1.) numero.

**W. B. Leningrad.** La revuo ne publikas artikolojn pri politiko. Ni ne povas fari escepton. Vere, — ĝi ne taŭgus eĉ por tiu gazeto.

**H. S. Berlin.** Viaj manuskriptoj pruvas vian talenton por krei *kuriozan* stilon, sed bedaŭrinde la enhavo estas anemia. Ne la vivo, ne la intelekteco pulsas en la fraz-vejnetoj — nur la laŭmoda moderneco, kiu troornamante la *nenion* pensas, ke estas kreita nova majstraĵo. Vi kaj viaj amikoj eraras. Krome vi havas kulpon kontraŭ *nia lingvo*, kiun vi ne estimas tiagrade kiel vian nacian. Tro libere vi klarigas al vi la „elastecon" de Esperanto. Jes, ĝi havas elastecon, sed vi trouzante ĝin kripligas ĝian naturan belecon. Certe vi ne kuraĝus fari la samon en via nacia lingvo. La enkonduko de tiaj superfluaj gramatikaj formoj forrabus la simplecon, tujan kompreneblecon, ili konfuzus kelkajn kaj instigus je plua kripligo aliajn, kiuj celas fariĝi „mondfamaj stilistoj". Viaj artefaritaj manuskriptoj afliktis nin, sed la akompana letero servis je nia konsolo: ĝi estas komprenebla, belstila kaj senerara, ĉar tie vi ne celis krei „majstrajon". Tamen via letero indas pli por la publiko ol la ŝvitodora stiltordaĵo de viaj manuskriptoj. En simpleco estas la vera arto. Kiu parolas sole al la rafinita menso de kulturhomoj kaj neglektas la koron de la „interna" homo, tiu muelas venton. La sakoj diskrevos, fariĝos uragano, kiu senvestiĝos la kulturhomon kaj staros antaŭ la mondo la *nuda* „interna" homo. Antaŭ nelonge okazis tia uragano: la mondmilito. La nuda „interna" homo aspektis terura kaj animala. La celo de ĉiu vera arto devas esti la reformado kaj survestado de tiu ĉi nevidebla homo por fari la homaron inda al la epiteto „krono de ĉiuj kreitaĵoj". Pseŭdarto estas tiu, kiu donante cerbuman ekzercon kreas ĉion por sensoj kaj neglektas la sentojn. *Kulturu nian lingvon estimante ĝin kiel vian nacian* aŭ *forjetu la plumon* kaj *ne nomu vin esperantisto-verkisto*, ĉar vi indos nek je la unua, nek je la dua. *Jobo.*

**Nordano.** Viaj manuskriptoj pruvas: vi havas talenton kaj forgesis Esperanton. Vi miskomprenas la modernecon. Verku la samon uzante la samajn vortojn sen kripligo de la gramatikaj formoj kaj ni publikos ilin. Ni sincere bedaŭrus, se via talento fariĝus viktimo de ne racia reformemo. Konsideru nin viaj amikoj, kiuj estas adeptoj de natura evoluo, kaj por personaj gustoj ne riskas la unuecon. Bonvolu revizii viajn principojn kaj ni tre ĝojus esti je via dispono.

**G. W. Praha.** Ni dankas vian atenton. Okaze mi profitigos ĝin.

**D. B. Wien.** Nepublikebla.

**C. de Ch. Paris.** Dankon por la varbado. Ankaŭ ni ne komprenas, sed espereble baldaŭ alvenos tiu ŝanco.

**J. B. Córdoba.** Koran dankon por via noblintenca klopodo. Se la afero ankoraŭ ne sukcesis, tamen ni esperas, ke baldaŭ venos la okazo, kiam *L. M.* servoprete povos esti je la dispono de la hispanaj gesamideanoj. — La tute simpla (70.000 h. Kr.) eldono. — Pri la jarabono ankoraŭ ni ne povas kvitanci, sed memkompreneble la ekspedon ni ne prokrastos.

**Th. D. Rathskirchen.** *Barnaklo* estas speco de ansero, *(barnicla)* france: *bernache.* La ilustraĵoj ne mankos, sed kelkokaze ni devas forlasi ilin jen pro financa, jen pro redakta vidpunktoj. En tiaj numeroj ni kompensas la mankon per originala titolilustraĵo aŭ muziknoto.

## BIBLIOGRAFIO

Karel Capek:

R. U. R.

Rossumaj Universal Robotoj

*Kolektiva dramo je enkonduka komedio kaj 3 aktoj. Laŭ la III-a ĉeĥa eldono esperantigis kaj eldonis Moraviaj Esperanto Pioniroj. Olomouc 1926. Pĝ. 110.*

La aŭtoro de la dramo staras sur alta piedestalo de la moralfilozofio. Komence li havas farsan maskon por kaŝi la doloron, taŭzantan lian koron kaj la impresojn, kiujn vekis en li la vivmaniero, aspiroj de la nuntempo. Sub tiu farsa masko li profunde meditas pri la estonteco de la homaro kaj ne unufoje ni vidas brili, ĝisruliĝi sincerajn larmojn sur la groteskaj trajtoj.

La efemerecon; la luktadon por la momenta sekuriteco; la luksomarĉon, en kiu dronas la sankteco de la laboro; la vanan batalon kontraŭ la monstro, kiun mem la homo kreis por la vivo; la malesperan helpkriadon kaj submetiĝan atendon pri miraklo: ĉion frapante reliefigas en tiu ĉi verko la aŭtoro. Jen satire li vipas, jen kortuŝe naive li miras. Jen li igas groteske danci siajn figurojn, jen li faras sangan tragedion kun ili.

Pesimismo kaj optimismo batalas en tiu ĉi verko: lukto por vivo kaj morto. Oni spirretene atentas la evoluon de la dramo kaj korpremite atendas la tragedian finon, la venkon de la Morto. Sed ne tio okazas. Venkas la optimismo kaj per tio la poeto forjetas de si la maskon por montri sian veran vizaĝon: la homan homon. Kaj ni tutkore aplaŭdas al tiu ĉi senmaska homo, kiu la utopion vestis en ĉifonoj de realeco por montri al ni perfektan bildon pri evitinda epoko, kiam la energion de la degenerinta homo neniigis la lukso kaj estas perdita eĉ la espero refreŝigi, respektive daŭrigi la rason mem.

La ĝuanto de la verko post finlegado kontraŭvole konstatas, ke krom la dumlega amuzo li havas ankoraŭ pensojn, sentojn primeditindajn. Pri tre malmultaj modernaj dramoj oni povas aserti tion.

La eldono estas eleganta, la stilo — korekta kaj nia gratulo esprimiĝas sincere, kiam ni dankas ĉi tiun pliriĉigon de nia literaturo al la Moraviaj Esperanto Pioniroj. *Jobo.*

J. Borel:

LEGOLIBRETO

*Kvara eldono. (22-a—33-a miloj) 1926. Esperanto—Verlag Ellersiek & Borel G. m. b. H. Berlin kaj Dresden. Pĝ. 48.*

Tiu ĉi „Legolibreto", kiu estas la No 1 de la Esperanta Biblioteko Internacia, atingis sian kvaran eldonon. Tio pruvas, ke ĝi taŭgas esti la unua gvidanto de komencantoj. Enhavo, stilo estas neriproĉebla. La prezo nur RM. 0.40. Espereble baldaŭ elĉerpiĝos. *F. A.*

Hangay Sándor:

JEGENYÉK ZUGÁSA

*Uj versek, 1919—1926. Pammer Imre rajzaival. Második kiadás. Budapest, 1926. Hauptmann Béla Könyvnyomdai Müintézet kiadása.*

Novaj poemoj *(hungarlingvaj)* de Hangay Sándor. La volumon bele ilustris Pammer Imre. Tri elementoj distingiĝas en la liro de la poeto: patrujamo, amo, familia vivo. Ni rekomendas la libron al niaj hungarlingvaj legantoj. *F. A.*

Henrik Allari:

KOIDANG (MINIATYYRE).

*Estona traduko de Es — e verkita miniaturaro „Auroro". Ricevebla ĉe la aŭtoro: H. Seppik, Kastani 91—1, Tartu, Estonio, por 1 sv. fr. aŭ egalvaloro.*

Ni gratulas al la aŭtoro por la eleganta eldono. Bedaŭre, ke ne scipovante la lingvon ni ne povas prijuĝi la enhavon. Espereble iam ni havos okazon aperigi specimenon el la originalo. *F. A.*

BELA KAJ STELA

UNU AKCIDENTO, KIA OKAZAS ĈIE EN LA MONDO

*Originale verkita de S. Balkanano. Propra eldono. 16 pĝ. Mendebla, ĉe Stefan Zivanović, Zagreb, Peščenice 4.*

Noveleto. La stilo ankoraŭ nematura. Ni atendis pli perfektan. Espereble tio longe ne malfruos, kaj tiam pli detale ni povas recenzi. *kis'.*

Va JARO, 1926 ÁPRILO UNUA NUMERO

# LITERATURA MONDO

REVUO POR BELETRISTIKO KAJ ARTO

ABONPREZOJ :
Por 1 jaro : 144.000 Hung. Kronoj
„ ½ „ 72.000 „ „
„ ¼ „ 45.000 „ „
(2—2.10 dol. au 8 si. 5 p.)
au egalvaloro en kia ajn mono transkalkulita lau kurzo de Zürich de l'pagotago.
Po ekzemplero: 12.000 hung. Kronoj + postelspezo (enlande (10%, eksterlande 20% de la sumo).
Por libistroj 33⅓% da rabato.
La abonoj komencigas de Januaro au de Julio

REDAKTA KOMITATO
**JULIO BAGHY * K. DE KALOCSAY**
**KARLO BODÓ, DRO VINCENTO TÓTH, PAULO VARSÁNYI, PAULO BALKÁNYI, STEFANO KISS**
RESPONDA REDAKTORO : DRo BÉLA RÁCZ DE KÖVESD L. K.
NIA KUNLABORANTARO :
Louise Briggs (Armley), J. Grau Casas (Barcelona), Helmi & Hilda Dresen (Tallinn), Nikolao Hohlov (Zagreb), Ivan H. Krestanoff (Pirdop), A. Mazzolini (Fermo), Jan van Schoor (Antwerpen), Tiberio Morariu (Bucuresti), Paul Nylén (Stockholm), Emma L. Osmond (London), Petro Stojan (Genéve), M. Solovjev (Novi Sad). Dro Leono Zamenhof (Varsovio), Raymond Schwartz (Páris), J. Jurysta (Czenstochova), Stanislaw Braun (Lodz), Henriko Seppik (Tallinn), Zanoni, Stan Kamaryt (Bratislava), Bud. Hromada (Praha)

ADRESO:
BUDAPEST, VI. EÖTVÖS U. 37. I. 9.
(HUNGARLANDO)

Manuskriptojn la Redaktejo ne resendas. Skribu legeble, au per skribmasino.

PREZO : 12 MIL. HUNG. KRONOJ

# B A R A B B A S

**FREDERIKO KARINTHY**

Kaj je la vesperkrepusko de l'tria tago Li elpaŝis tra la mallarĝa pordego de l'volbo kaj silente ekiris sur la vojo. Ambaŭflanke nigre fumis la ruinoj. Sube, sur la fundo de elsekiĝinta foso Li trovis la unuan el tiuj, kiuj antaŭ la domo de Pilatus kriadis la nomon de Barabbas. Kun nigriĝinta lango li blekis al la ruĝaj nuboj.

Li haltis antaŭ li kaj mallaŭte diris:

— Jen mi estas.

Kaj tiu suprenrigardis al Li kaj komencis ploregi.

— Rabbi ! Rabbi ! — li ploregis.

Kaj la Majstro milde daŭrigis :

— Ne ploru, Ekstaru kaj venu kun mi. Ĉar mi reiros al Jerusalemo, antaŭ la domon de Pilatus kaj petos novan verdikton pri mi kaj pri vi, kiuj elektis Barabbason kaj al kiuj Barabbas faris ĉi tion.

Kaj la mizerulo pene leviĝis kaj kaptis Lian baskon.

— Majstro ! — li kriis sufoke kaj inter larmoj, — ho, majstro, mi venas ! Diru, kiel mi savu min ! Diru, kion mi faru. Diru, kion mi diru !

— Nenion, — Li diris milde, — nur tion, kion vi estus devinta diri antaŭ tri tagoj, kiam Pilatus ekstaris sur la vestiblo kaj demandis vin: „Kiun mi do liberigu el ili. ĉu Barabbason la murdinton, aŭ la Nazaretanon? "

— Ho, mi frenezulo! — kriegis la mizerulo batante sian kapon per pugno, — ho, mi frenezulo, kiu kriis Barabbason ! Barabbason, kiu venigis min tien ĉi !

— Bone, — daŭrigis milde la Majstro, — nun venu do kun mi antaŭ la domon de Pilatus, zorgu pri nenio, atentu nenion, nur min kaj kiam mi signos al vi, kriu el via tuta koro kaj el via tuta pulmo: „La Nazaretanon!" kvazaŭ vi krius : „mian vivon !"

Kaj tiu sekvis Lin.

Kaj ili trovis dumvoje alian mizerulon, de kiu Barabbas prenis domon, edzinon kaj infanon kaj elpikigis la okulojn. Kaj Li silente tuŝis lian frunton kaj diris :

— Mi estas. Venu kun mi Jerusalemon kaj kiam mi tuŝos vin mane, kriu : „la Nazaretanon!" kvazaŭ vi krius „mian domon! mian infanon! miajn okulojn!"

Kaj tiu eksploregis kaj sekvis Lin.

Kaj ili trovis ankoraŭ alian homon, kies manoj kaj piedoj estis ligitaj per ŝnuro kaj maŝitaj al lia kolo, kaj lin mem kun renversita kapo premis Barabbas en putrodoran marĉon, inter vermojn kaj rampajojn. Kaj Li aliris, malligis liajn ŝnurojn kaj diris:

— Mi konas vin. Vi estis poeto, kiu anoncis la ekstazan flugon de l'animo. Venu kun mi kaj kiam mi mansignos, kriu: „la Nazaretanon!" kvazaŭ vi krius: „la liberon! la liberon de l'animo kaj penso!"

Kaj tiu kisis lian sandalon kaj petegis nur per la okuloj, ĉar lia buŝo estis ankoraŭ plena de koto.

Kaj tiel ili iris plu kaj ĉiam pli kaj pli multaj kripluloj kaj lamuloj kaj mizeraj lepruloj aliĝis al ili, kiujn Barabbas malfeliĉigis. Kaj ĉiu el ili aparte batis ploregе sian bruston kaj petegis al Li, ke Li signu, se ili devos krii: „la Nazaretanon!" kvazaŭ ili dirus: „paco! paco! paco sur la tero !"

Kaj vespere ili alvenis Jerusalemon, antaŭ la domon de Pilatus.

Pilatus sidis en la vestiblo kaj vespermanĝis kun Barabbas, la murdisto. Grase kaj kun brila vizaĝo ili sidis tie, trinkis pezajn vinojn kaj manĝis karajn manĝaĵojn el la fundo de oraj vazoj: ilia skarlat-ruĝa talaro brilis malproksimen.

Kaj la Nazaretano, gvidante la homamason kiu lin sekvis, iris antaŭ la vestiblon kaj levinte siajn tranajlitajn manojn, milde Li ekparolis:

— La festo de l'pasko ankoraŭ ne pasis, Pilatus. Estas leĝo kaj kutimo, ke paske unu el la kondamnitoj vi devas liberigi, tiel, kiel la popolo deziras. La popolo deziris Barabbason kaj min vi krucumis — sed mi devis reveni el mia morto, ĉar mi vidis ke la popolo ne sciis, kion ĝi faras. Ĉi tiu homamaso post mi, elkonis Barabbason kaj nun volas novan verdikton, — demandu ilin denove, kiel estas skribite en niaj leĝlibroj.

Kaj Pilatus enpensiĝis, poste ŝultrotiris kaj stariĝinte sur la rando de l'vestiblo, mirante trarigardis la homamason kaj diris:

— Do kiun mi nun liberigu, Barabbason aŭ la Nazaretanon?

Kaj tiam Li mansignis al ili.

Kaj tiam ekestis muĝo kaj kvazaŭ fulmotondro sonegis la homamaso. Kaj la homamaso kriis: „Barabbason!"

Kaj terurite ili rigardis unu la alian, ĉar aparte ĉiu el el ili kriis: „la Nazaretanon!"

Kaj la Majstro paliĝis kaj sin turninte trarigardis ilin. Kaj aparte li rekonis la vizaĝon de ĉiu, sed el ĉi tiuj multaj vizaĝoj fariĝis unu sola vizaĝo en la vespera krepusko, giganta kapo, kiu stulte kaj malice kaj impertinente rikanis en lian vizaĝon, ĝiaj sangaj okuloj palpebrumis kaj el ĝia buŝo fluetis fetora suko kaj el la gorĝo ĝi blekegis raŭke: „Barabbas!" kvazaŭ ĝi stertorus: „morto ! morto ! morto!"

Kaj Pilatus embarase mallevis siajn okulojn kaj diris al Li: „Vi vidas . . . !"

Kaj Li ekbalancis la kapon kaj silente ascendinte la ŝtuparon, etendis la manojn al la ekzekutisto, ke li ligu ilin.

El la hungara : *Karlo Bodó.*

# EN NIA DISTRIKTO

I. SIRJAEV



En nia distrikto antaŭ okdek aŭ cent jaroj estis tre multaj nobelbienoj. Vere, la plimulto de la bienhavantoj estis homoj ne riĉaj, tamen, ili ne volis cedi al siaj riĉaj najbaroj almenaŭ en ekstera pompeco kaj brilo de la vivo. Tial ili, kvazaŭ konkurante, konstruis domojn aranĝis luksajn ĝardenojn kun oranĝerioj, grandajn lagojn kun insuletoj, grotojn kaj ceterajn elpensaĵojn similajn, kiuj postulis de ili neniajn elspezojn, ĉar ĉiuj laboroj je ili estis plenumataj de iliaj senpagaj kaj diligentaj laboristo- servutuloj.

Preskaŭ nenio konserviĝis ĝis nun el la konstruaĵoj, — la ĉioruiniga tempo metis sur ilin sian senindulgan manon. Nur ruinoj, masonitaj triumfarkoj, grandegaj artefaritaj lagoj kun ruiniĝintaj grotoj sur iliaj bordoj kaj grandegaj disbatitaj statuoj de dioj, meze de grenkampoj, inspiras nun al preterirantoj malgajajn pensojn pri vanteco kaj efemereco de ĉio tera, homa.

Niaj nobeloj vintre loĝis en la ĉefurbo, kie ili havis ŝtatoficojn, kaj nur la somerojn ili pasigis en la kamparo. Ĉiujare, kune kun printempa reviviĝo de la naturo, reviviĝis ankaŭ la nobeldomoj. El iliaj grandaj fenestroj aŭdiĝis gaja muziko kaj kantado, en ombroriĉaj ĝardenoj flustris luksaj fontanoj, brilis en la suno belegaj florbedoj kaj tra la lagoj glitis blankvelaj boatetoj kun graciaj figuroj de gejunuloj. La posedintoj de tiuj ĉi belaĵoj interesiĝis nek je termastrumado, nek je artoj, — ili preferis vivi senlabore-senzorge meze de senĉesaj festenoj kaj ĉiuj eblaj plezuroj kaj ĝuoj, je kiuj ili estis tre elpensemaj.

La plej riĉa kaj plej gastama el ili estis sendube grafo Ĉurbaŝkov. Liaj luksegaj tagmanĝoj, baloj kaj bonega orkestro de blovinstrumentoj estis famaj malproksime post la limoj de la gubernio. Lia grandega domo, simila al palaco, estis ĉiam plena de gastoj, soifantaj plezurojn.

Foliumante unufoje antikvajn manuskriptojn en la arĥivo, heredita de la avoj, mi okaze trovis interesajn detalojn de la familivivo de tiu ĉi strangulo, neniam konanta dum la vivo malĝojojn kaj mizeron kaj profunde-tragedie finanta siajn tagojn.

La familio konsistis el la edzino, tri filinoj kaj unu filo. La lasta, havinta ne ordinaran fizikan forton, estis simila je siaj inklinoj kaj kutimoj nek al la gepatroj, nek al la fratinoj. Ankoraŭ estante junulo, li elmontris multajn strangaĵojn, kiuj neniel povis akordi kun la kutimoj kaj moroj de la familio: li evitis la bruan vivon de la domo, la tedemajn gastojn kaj la servojn de la multenombra flatema servantaro. Lia plej amata plezuro estis vagado malproksime de la domo tra arbaroj kaj kampoj, aŭ legado, al kiu li sin fordonis, izoliĝinte en ia ĉambro malproksima de la kutima tumulto. Nur malofte kaj por ne longe — por liveri al la gepatroj kelkan plezuron — li aperis kelkfoje inter la bruanta gejunularo, ĉiam gastanta en ilia domo. La gepatroj tre amis la solan filon kaj senpune pardonis al li liajn strangaĵojn, kiuj tamen ne malhelpis al li esti tre bonedukita kaj afabla junulo.

Li lernis bonege kaj, fininte gimnazian kurson kun ora medalo, sukcese daŭrigis studi en la medicina fakultato, esperante fariĝi kuracisto, sin dediĉi al neprofitema, bonfara agado inter la malklera kaj senrajta vilaĝanaro, kiu estis tute senhelpa en tiu ĉi rilato.

Dume la fratinojn edziniĝis riĉaj nobeloj kaj la gepatroj maljuniĝintaj vivis jam pli modeste. Kiam la juna grafo Ĉurbaŝkov revenis hejmen, fininte la universitatan kurson kaj ricevinta doktoran titolon, jam nek la domo, nek ĝiaj posedantoj estis plu rekoneblaj. En la domo jam plu ne aŭdiĝis gaja muziko, ne bruis gastanta gejunularo kaj la gemastroj senelire sidis en siaj ĉambroj, alforĝitaj de malsanoj al siaj apogseĝoj. La patrino baldaŭ mortis kaj la orfiĝinta grafo maljuna alligiĝis al la instruita filo. La maljunulo tre timis la morton kaj la postmortan sorton kaj tio ĉi estis liaj plej ŝatataj temoj de senfinaj konversacioj kun la doktoro-filo, kiu ĉiam scipovis, kun speciala lerteco, dispeli kies ajn kiajn ajn timojn.

Ankoraŭ estante studento, la juna grafo ekamis en la ĉefurbo iun knabinon, kun kiu li nun ofte korespondis kaj renkontiĝis. Dum unu el tiaj forestoj li subite ricevis sciigon pri la neatendita morto de la maljunulo. Forlasinte ĉiujn aferojn, li rapide revenis hejmen, kie la mortinto kuŝis jam la trian tagon, tute preparita per la zorgemaj manoj de la kunvenintaj filinoj por enterigo.

La morto ŝajnis al la doktoro enigmoplena kaj suspektinda. Memorante ne unu foje eldiritajn de la maljuna patro timojn pro morto, kaj precipe pro ŝajna morto, nomata letargio, la filo atente esploris la kadavron, kiu, ŝajne, tute ne havis eĉ etajn signojn de bruletanta vivo, kaj plene trankviliĝis. La mortinto estis enterigita proksime al la domo en la familia kripto kun decaj honoroj, post kio la juna grafo revenis en la urbon al siaj interrompitaj klopodoj por la projektita edziĝo.

Dum lia forveturo inter la servantaro de la domo disvastiĝis terura famo, ke la maljuna grafo estis interigita viva. De kie ĝi venis, oni precize ne sciis, tamen ĝi ĉiam kreskis kaj baldaŭ iris post la limojn de la bieno. Oni certigis, ke la ĝardenisto, poste ankaŭ kelkaj aliaj servantoj, dum longa tempo aŭdis malklare teruran krion de la enterigito, venantan el la tombo. Sed, ĉar neniu rajtis malsupreniĝi en la kripton, kies ŝlosilo estis ie kaŝita de la forveturinta grafo, la afero iom post iom silentiĝis.

La juna grafo revenis hejmen nur du monatojn post la enterigo de la patro. Kune kun li venis lia edzino, rimarkinde bela kaj gracia estaĵo, kies beleco kaj afableco neordinare harmoniis kun ŝia infane ĉasta kaj anĝele bona animo. Laŭ sia aspekto ŝi estis rekta kontrasto de la edzo, ĉar ŝi estis malatkreska, maldiketa virineto, kio tamen ne malhelpis al ŝi esti plej fervora helpantino de li dum liaj ĉiutagaj okupoj je malsanuloj. Estis kortuŝe rigardi ŝin, de mateno ĝis malfrua vespero, flegintan malsanulojn, kiuj ĉiutage de ĉiuj flankoj venis al la domo sinjora. Sen ia abonemo aŭ malŝato ŝi lavis per siaj delikataj neĝblankaj kaj infane maldiketaj manoj malpurajn vundojn pusajn kaj bandaĝis ilin per puraj tolbandaĝoj, provizis multajn malriĉajn suferantojn je vivrimedoj kaj akompanis siajn bonfarojn per mildaj sanigantaj konsolvortoj. Pro tio ĉi ĉiuj adoris la junan sinjorinon, nomis ŝin anĝelo-gardanto de mizeruloj.

De siaj servistinoj, ankaŭ de malsanuloj, ŝi aŭdis kelkfoje pri la sonoj, aŭditaj el la tombo de la bopatro. Komence ŝi ne atentis tiun ĉi babiladon, opiniante ĝin malklera frukto de superstiĉo, sed, kiam ĝi komencis tedi ŝin, ŝi petis la edzon malsupreniĝi en la kripton, malkovri la ĉerkon kaj per unu fojo ĉesigi la famon malsaĝan.

Kia terura vidaĵo sin prezentis al la okuloj de la junaj geedzoj kaj de la multenombraj scivoluloj, kiam oni formetis la kovrilon de la ĉerko. La mortinto kuŝis tie kuntiriĝinte kaj turniĝinte flanken kun mieno kripligita pro malespero, kiu engraviĝis sur lia vizaĝo. Lia mortvesto estis tute ŝirita, kaj ĉifita, la vizaĝo kaj la manoj havis klarajn signojn de daŭra kaj obstina batalo por liberiĝi de la malaminda, antaŭtempa kuŝejo. La manoj kaj, precipe, la fingroj, krom tio, estis ĉirkaŭmorditaj. Laŭ supozo de la doktoro-filo la maljunulo vivis en la ĉerko post sia vekiĝo de letargio almenaŭ dek horojn kaj lia vera morto, tiom suferiga kaj terura, kiom ankaŭ malrapida, sekvis pro sufokiĝo kaj malsato.

Estas superflue paroli pri tio, kian impreson faris tiu ĉi surprizo ne sole je la scivoluloj apudestintaj, sed ankaŭ je la juna paro. La juna virino por longa tempo perdis la dormokapablon kaj ŝia edzo por longe fariĝis neparolema kaj premegita de la malĝojo.

Sed oni parolas vere, ke la tempo estas la plej bona kuracisto de ĉiuj malagrablaĵoj kaj malĝojoj: pasis kelkaj tagoj kaj la okazintaĵo jam perdis sian akrecon en iliaj okuloj kaj post du-tri monatoj ĝi estis jam preskaŭ tute forgesita de ili. Tamen la juna virino petis la edzon, ke li solene promesu al ŝi, ke li ne enterigos ŝian kadavron post ŝia morto almenaŭ dum unu semajno, t.-e. ne pli frue, ol kiam aperos klaraj kaj sendubaj signoj de putrado sur la kadavro. La saman ŝi promesis fari okaze de lia morto, ke la eraro terura ne povu ripetiĝi en la familio.

La feliĉo de la junaj geedzoj ne estis tro longedaŭra. Dum bela junia mateno — ĝuste post unu jaro post la edziĝo — la grafo trovis en la lito la edzinon mortinta, aŭ kiel li kredis, dormanta letargie. La grafo tuj ĉesigis sian kutiman okupadon por malsanuloj kaj tute sin fordonis al la zorgoj pri la dormantino. Sciante el rakontoj pri letargiuloj, ke ili dum sia ŝajna morto ĉion aŭdas kaj komprenas, sed nur ne povas respondi aŭ elmontri ian signon de sia vivo ankoraŭ nerimarkeble daŭranta, ankaŭ, ke ili sentas tutan teruron esti enterigitaj en tia stato, li malpermesis al iu ajn eniradi en la ĉambron. Ne forlasante sian amatinon, li dum tuta tago jen karesis ŝin delikate, jen amuzis per parolado kortuŝa aŭ

per muziko, kiun ŝi tre ŝatis, jen, fine, distris ŝin per allogaj perspektivoj, aperontaj post ŝia revekiĝo.

Kvankam li parolis al neniu pri la okazintaĵo, tamen la akra sento de servutularo tuj konkludis el la neatendite ŝanĝiĝinta vivmaniero de la gesinjoroj, ke okazis io tre grava, neordinara en la familio. Tiel pasis kelkaj tagoj. La servantaro, ne informita ĝuste, faris sennombrajn supozojn fidindajn, tamen troajn pro sia fantaziemo. Oni parolis komence, ke la geedzoj malpaciĝis pro io kaj la grafo mortvundis la junan grafinon dum incitiĝo kaj, dezirante kaŝi sian krimon, nun peneme kuracis la vundon, pro kio li neniun enlasas en la ĉambron. Poste aperis novaj variantoj, — ja kion ne povas elpensi senokupa fantazio de scivolemaj malkleruloj! — oni parolis, ke la sinjorino mortis kaj la grafo freneziĝis kaj ne volas disiĝi de la mortintino. Kaj tiu ĉi onidiro ŝajnis tre kredinda, ĉar kelkaj el la ĉambroservantoj, sekrete alproksimiĝintaj iafoje al la ĉambro, persiste certigis, ke ili klare sentis kadavroodoron, irintan el la ĉambro mistera kaj propraorele aŭdis frenezajn parolojn de la sinjoro.

Ankoraŭ pasis du tagoj. La grafo tute ne forlasis la ĉambron kaj nur dum noktoj iradis senbrue, nerimarkeble en la manĝoĉambron por preni ian pecon da pano kaj kruĉon da akvo. Dume montriĝis sendubaj signoj pri morto de la virino: la vakse-pala vizaĝo perdis sian agrablan aspekton kaj akceptis tiun karakterizan nuancon kun akriĝinta nazo kaj eniĝintaj okuloj, kiu estas tiom propra de korpo senviva; el la nazotruoj kaj el la buŝo elfluetis sangpusaĵo kaj netolerebla kadavrodoro plenigis la ĉambron.

Sed la grafo kvazaŭ nenion rimarkis el tio ĉi. Li estis, kiel antaŭe, ĝoja kaj afabla al la edzino, kiun li neniam ĉesis amuzi kaj karesi. Kiam jam duono de la servistaro teruriĝita forkuris el la domo timiga, unufoje matene venis en la domon kaj ekfrapis je la pordo de la ĉiam ankoraŭ ŝlosata ĉambro la administranto de la bieno. Komence la grafo estis surprizita kaj koleriĝinta, ke oni kuraĝas tiel arogante maltrankviligi la dormantinon, sed, kiam li sciiĝis, ke tiu ĉi neĝustatempa vizitanto estas la administranto — maljunulo, kiu plenumis la oficon ankoraŭ dum la vivo de lia patro, li trankviliĝis kaj enlasis lin en la ĉambron.

— Mia sinjoro! — li komencis, genufleksinte antaŭ la grafo. — Kion vi faras?... Timu Dion!... Oni ja delonge scias vian sekreton kaj la plimulto de via servantaro jam forkuris el la domo pro teruro... Por kio vi, via grafa moŝto, turmentas ankoraŭ ŝian anĝelsimilan animon?... Tie ĉi jam ne estas plu loko konvena por ŝi... Venigu plej baldaŭ pastron, ŝi ja mortis...

La grafo pacience aŭskultis la maljunulon, jen sulkante la frunton, jen jese balancante per la kapo, sed ĉe la lastaj vortoj li ekridis laŭte, tremigante la kuraĝan administranton:

— Ĉu ŝi mortis?... Vi kuraĝas konsili al mi enterigi ŝin viva... kiel vi enterigis jam mian patron?... Ha-ha-ha!... Ne, vi ne sukcesos atingi tion ĉi! Ĉu vi aŭdas, malsaĝa maljunulaĉo: mi ne faros tion, mi ne faros... Ŝi ne mortis, ŝi dormas letargie, ĉion aŭdante kaj komprenante!

La majunulo, kiu tutan sian vivon pasigis meze de nobeloj kaj delonge alkutimiĝis al iliaj kontraŭdiroj kaj strangaĵoj, neniom konfuziĝis pro la vortoj de la sinjoro kaj, leviĝante de la planko, ĝentile, tamen persiste, respondis:

— Mi kredas, via grafa moŝto, ke ŝi ĉion aŭdas, ĉar ŝia senpeka animeto nun sopiras apud sia korpo senviva kaj ne enterigita... sed vi farus bone, se vi sekvus mian malsaĝan konsilon: ordonu, via grafa moŝto, mi petas, ke oni prenu ŝin el la lito kaj laŭ kristana kutimo mortvestigu ŝin kaj elportu el la ĉambro... Ĉu vi, sinjoro, ne rimarkas tiun ĉi premegantan kadavroodoron?...

Mi ne scias, ĉu tuj la grafo obeis al la konsilo de la maljunulo, ĉar pri tio oni nenion parolas en la manuskriptoj trovitaj, sed oni certigas, ke baldaŭ post tio la kadavro estis metita en metalan ĉerkon kaj elportita el la dormoĉambro en la salonon. La ĉerko havis en la kovrilo, ĝuste super la vizaĝo de la mortintino, facile formoveblan tirtabuleton, aranĝitan speciale por ke oni povu tuj enlasi en la ĉerkon strion da freŝa aero, tuj kiam tio estos necesa, t. e. kiam la grafo rimarkos ŝian vekiĝon. Krom tio al la ĉerko estis alfaritaj teniloj, per kiuj la grafo, fortulo, povis transporti ĝin de unu loko al la alia, laŭ sia plaĉo kaj bezono.

Malgajan aspekton havis la grafa domo. Forlasita de ĉiuj servantoj, kiuj antaŭe loĝis en ĝi kaj en ĝiaj ĉirkaŭaĵoj, ĝi estis de neniu prizorgata, de neniu gardata kaj de ĉiuj preterirantoj evitata, el kiuj neniu kuraĝis alproksimiĝi al ĝi dum vespero aŭ nokto. Dum tiaj horoj la animo de la mortintino malgaje vagadis en blanka mantelo tra aleoj de la ĝardeno ĝemante, kaj timigante okazan renkontiton kaj el la ĉiam malfermitaj fenestroj de la domo aŭdiĝis frenezaj kantoj de la grafo, amuzanta la edzinon „dormantan", kiujn supersonis laŭta ĝembojado de malsataj gardohundoj.

Sed ĉiam la samaj amuzaĵoj kaj malseka ĉambraero, fine, videble, tedis la dormintinon, ĉar foje, tagmeze, oni ekvidis kun teruro, ke la grafo aperis en la ĝardeno kun sia tiom stranga portaĵo. Pro daŭra sendormeco kaj malsato li malgrasiĝis, liaj haroj, delonge ne kombitaj, estis hirtaj kaj la vestaĵo negliĝa, neordita. En tia aspekto, neniam disiĝante de sia portaĵo, li baldaŭ forlasis ankaŭ la ĝardenon kaj aperis en proksimaj kampoj kaj arbaretoj. Laciĝinte pro longa portado de la ŝarĝo, li de tempo al tempo facile metadis teren la ĉerkon kaj, genuinte antaŭ ĝi, flustris al ĝi ion afable, amplene.

Iafoje, rimarkinte iun, laborintan en la kampo, aŭ preterveturinton, li rapidege kuris al tiu kun la ĉerko en la brakoj. Sed malofte li sukcesis atingi iun el ili: ĉiu, ankoraŭ de malproksime ekvidinte la grafon, forkuris kien li povis kun laŭta kriado. Nur malofte li renkontis tiamaniere ian kuraĝulon, aŭ maljunulon, ne povintan forkuri, kun kiu la grafo ĝojigita tuj komencis viglan konversacion, ĉiam samenhavan:

— Ĉu vi ankaŭ ne kredas?... Ne, ŝi ne mortis, ŝi dormas trankvile. Ĉu vi volas, mi tuj formetos la tirtabuleton kaj vi vidos la ĝustecon de miaj vortoj... Ĝustokaze: mi ja mem jam delonge ne rigardis ŝin... Rigardu, kia ruĝvanga, freŝa kaj gaja estas ŝia vizaĝeto!... Ĉu vi kredas: mi iafoje klare aŭdas, kiel ŝi ekspiras plenbruste... kaj antaŭ du tagoj, kiam mi rakontis al ŝi, por amuzi ŝin, ion kortuŝe-interesan el niaj unuaj renkontiĝoj, ŝi, mia kolombineto, eĉ ekridetis...

Fine la famo pri la grafo kaj lia „dormanta" edzino atingis la urbon kaj dum iu frua somera mateno al la senhoma domo alveturis du kaleŝoj, en kiuj sidis la distrikta nobelestro, policestro kaj doktoro. Ili forveturigis la grafon en la urbon kaj la ĉerkon metis en la familian kripton. Disigite de sia kara portaĵo, la grafo baldaŭ mortis en malsanulejo.

La domo de neniu gardata estis baldaŭ disrabita kaj kiam venis la fratinoj de la grafo, kiuj tre malfrue sciiĝis pri ĉio okazinta, ili trovis en ĝi jam preskaŭ nenion, krom la muroj.

# LA FESTO DE L'MAR-GUTOJ

**D. J. POLJANOV — UNUA-MAJA FABELO**



Super la verda bordo de luma kaj vasta golfo, — malfermita al la senfino kiel okulo, per kiu la seka tero rigardas la maran bluecon, — nigras neniam finita turo, ia giganta labirinto el ligno kaj fero, plena de kriego kaj bruego, kie tage kaj nokte marŝegas aro da nigraj homo-punktoj.

Iun matenon, unu el ili malsupreniris kaj sidiĝis sur la sablo, turninte la vizaĝon al la vasta maro. Kaj ĝi estis trankvila kaj brilanta. La ĉielo estis helblua kaj ridetema. La printempa suno brilis feste. La bordoj estis ornamitaj per verdaĵoj kaj floroj. El la senfino estis alportata la renoviganta kaj parfumita odoro de l'nova printempo.

La homo ekrigardis kaj ekpensis. Kaj iom post iom lia malhela kaj fulmotondra animo heliĝis kaj vigliĝis tra la okuloj, plenigitaj de l'blu-verda senfino.

Ondo plaŭdis trankvile al liaj piedoj kaj per dolĉa murmuro sin retiris malantaŭen, lin makulinte per miloj da gutoj; denove proksimiĝis, denove sin retiris. Kaj malgranda ĝia guto ekparolis per stranga, belsona lingvo.

Jen kion parolis la malgranda mar-guto.

Ĝi diris:

— Mi estas via fratineto. Vi ne konas min, kara mia, sed mi konas vin, — vi estas mia bela frato. Aŭskultu! Naskiĝinta mi estas malproksime, ie en la mallumaj kaj mal-armetaj

malsuprajoj de l' Balkano, en la terajo kaj en la ŝtonegoj, kie nenio estas videbla, nek aŭdebla. Subite foje trapenetris tien sunradio! Kun ĝi mi ludis, ornamis min per la sep koloroj de l'ĉielarko por plaĉi al ĝi, por allogi ĝin, mi ĝin renkontis matene kaj forsendis ĝin vespere, kiel amantino sian amanton. Ĝi parolis al mi pri iu alia mondo de lumo kaj senfino, kie ĉio estas hela kaj libera, pri la suno, sia patro, pri la floroj, pri la senfineco. Io nova komencis min ekscititi... Mi ĵuris al ĝi eternan amon, mi ĵuris forkuri el mia malliberejo, vidi tiun mirindan mondon, pri kiu parolis ĝi, mia delikata kaj pura radio. Vasteco! Libereco! Iutage mi aŭdis miajn fratinojn salti malsupren, el unu krevinta ŝtonego liberiĝinte el siaj malliberejoj. Sensaĝigita pro ĝojo mi ĵetis min kun ili sur la maldikan fluidaĵon. Post mi ĵetiĝis aliaj fratinoj-gutoj, ĉiuj soifantaj liberecon, gajaj, ke ili ekvivas alian, novan vivon. Sed ne por longe estis nia ĝojo, ke ni forkuris el la mallumoj...

Tie ĉi ondo plaŭdis kaj ĉesigis la dolĉan voĉon de l'guto. La homo diris al ŝi: — Vere, eble ĝi estas mia fratino.

Kaj tra lia kapo ekviciĝis la plej malproksimaj, la plej karaj memoroj de la infaneco, la unuaj revoj de l'animo, la unuaj paŝoj en la nekonata vivo, la unuaj ĝojoj, la unuaj kuradoj kun la samkvartalaj kamaradetoj tra la gepatraj kampoj, kiuj tiam ŝajnis al ili senfinaj kaj trompadis ilin per sia malproksimeco. Ĉio ĉi tio similis la diron de la malgranda guto.

Sed jen ĝi estas, ĝi denove ekparolis

Ĝi diris:

— Ne por longe estis nia ĝojo, ke ni estas liberaj. Malsupre en la valo, ni devis halti en la koto kaj sur la herboj, premitaj por velki, sufokitaj... Ne estis plu kanto. Nin malgajigis ankaŭ la gaja voĉo de la pli malgrandaj fratinoj, kiuj venis el supre al ni... La malfeliĉaj, ili ne sciis, kio ilin atendas! Kaj, ŝajne por ankoraŭ pli turmenti nin, la malagrablaj ranoj kvakis ŝerceme de ĉiuj flankoj... Se ni ekmoviĝis helpataj de la antaŭvespera venteto, se ni ekprovis liberiĝi de l'premego — jen la herboj metadis siajn pezajn foliojn sur nin kaj mallaŭte paroletis guverniste:

„Trankviliĝu! Toleru! La vivo estas pacienco! Kien vi volas iri? Rigardu nin, vidu, kiel vivas ni ĉiuj en unu loko. Faru ankaŭ vi tiele, trankviliĝu, toleru, alimaniere ne povas esti, etaj kaj malsaĝaj margutoj... „Ha, ili ne komprenis, ke ni ne estas herboj, ke en ni estas emo eterne batali, vivi, kaj ne viveti! Fine, iun tagon, la pli maltrankvilaj, la pli malkvietaj, ni decidis forkuri, trapaŝi perforte la densaĵon, kiu baris al ni la vojon kaj nin ĵeti malsupren, kien ajn, nur ne en tiuj sufokantaj ombrolokoj...

Tie ĉi alia ondo ŝprucis kaj interrompis la malgajan voĉon de l'malgranda guto.

La homo diris al si: — Vere, eble ĝi estas mia fratino. — Kaj li rememoris la unuajn ektuŝojn kun la kruda efektiveco en la vilaĝo, kie ĉio dormis en mallumo kaj malklero, kie la pastroj-ranoj dormigadis tiam, kiel ankaŭ nun, per sia kvakado... Li rememoris pri sia patro, kiu volis lin dungigi por dek jaroj kiel paŝtisteton kaj kiel iun tagon kun du samaĝuloj li decidis forkuri al la proksiman urbeton por lerni legadon, metion, por serĉi la nutraĵon aŭ morti pro malsato, sed ne sklavi en la vilaĝo...

Ĉio ĉi tio similis la diraĵon de l'malgranda guto.

Sed jen denove ekparolis ĝi.

Ĝi diris:

— Kaj tiel ni decidis forkuri el la ombrolokoj, kaj ni forkuris! Malsupre ni atingis aliajn fratinojn forkurintajn kiel ni, en malgranda torento, ni direktiĝis kun kantoj kaj rido tra la kurbvoja intermonto... Multajn barilojn ni devis trapasi, ŝtonojn, arbojn, murojn... Se ni ne povis ilin ruinigi, ni superŝutiĝis kaj transsaltis, se ankaŭ tio ne ebliĝis, ĉirkaŭiris ilin... Ni eliris en la valon. Tie vilaĝoj kaj urboj nin malpurigis per siaj malpuraĵoj — kaj ni ekbedaŭris pri nia antaŭa pureco, supre, en la montaro. Malfacila tempo ekregis por ni! Sed iun tagon antaŭ ni ekbrilis io luma, vasta, senfina, kaj — ni ekcelis plue.

Tie ĉi nova ondo ŝprucis kaj interrompis la senbruan voĉon de l'malgranda guto.

La homo diris al si: — Vere, eble ĝi estas mia fratino. — Kaj li rememoris pri la forkuro el la vilaĝo, pri siaj longjaraj vagadoj de urbo al urbo, pri la fremdaj pordoj, pri la malfacile gajnata pano, pri la malestimoj kaj insultoj, al kiuj li estis submetata. Li rememoris, ke iam, ankaŭ li, la malgranda guto, reiris malantaŭen por rememori la gepatran tegmenton, kvazaŭ li revenus tiam... Sed kion li estus faronta tie? Tie ĉi en la urboj, li suferis, sed laboris, lia saĝo malfermiĝis, lia spirito fortiĝis en la batalo de l' vivo. Li plu ne estis la naiva vilaĝano, sed laboristo, kiu pensadis kaj komprenadis. La malklara celo, ia malproksima antaŭdifino komencis jam malkovriĝi antaŭ lia penso, cele vasta, reviga, kiel la maro antaŭ la vido de l'malesperinta malgranda guto.

Sed jen, ĝi denove ekparolis:

Ĝi diris:

— Komence la maro min ektimigis: ektimigis min ĝia vasteco kaj senfundeco! Ŝajnis al mi, ke tie mi malaperos kaj pereos. Timigis min la ventego, kiu ploregis kaj nin ekscitis, sed baldaŭ mi kutimiĝis. Ni ĉiuj kutimiĝis. La vasteco, la pura kaj freŝa aero, la sunradioj baldaŭ min renaskis, kaj nun jam mi estas denove tiel pura, kiel mi estis iam... Kaj neniam plu mi ekpensus reveni... Mia vivo plu ne estas en la estinteco, sed en la estonteco: ne estas en la terajo, sed en la oceano. Tie ĉi mi plu ne estas la malforta guto, kiun povas ĉiu folio kaj ŝtoneto haltigi kaj deflankigi de ĝia vojo, — tie ĉi mi estas forta, kaj forto timiga, ĉar mi estas kun milionoj, milionoj da kamaradinoj-fratinoj. Multajn ŝtonegojn ni jam ruinigis, kiuj malhelpas al ni ankoraŭ, ankaŭ tiujn ni ruinigos! Nia frapo estas pli forta, ol la granito de l'naturo kaj la fero de l'homo. Se ni ekvolus, ni povus ĵeti nin en la kvin kontinentojn, superŝuti la tutan terglobon. Ho, ni estas grandega forto, ni estas la nevenkebla forto de l'oceano!...

Tie ĉi nova ondo ŝprucis kaj interrompis la entuziasman voĉon de l'malgranda guto.

La homo diris al si: — Jes, vere, ĝi estas mia fratino. — Kaj li rememoris, ke la unuan fojon li ektimis la grandan komercan urbon, kien li estis veninta, kiel seruristo kaj iom post iom li kutimiĝis. Hodiaŭ li estas jam dudek-kvin-jara, forta kaj majstro de sia metio. Ankaŭ li estas jam forto. Tie ĉi li ne estas sola, multaj estas, kiuj enpensiĝas en sian situacion, la frapojn de la komuna malamiko renkontas iliaj komunaj pensoj: ĉiuj ili estas forto, — kaj kiam li kunpuŝiĝos iun tagon kun la vivo, tiu ĉi forto lin faligos por lin renaski. Tiu ĉi forto de l'kunigita laboristaro estas ankaŭ ventego, kiel tiu de la fratinoj de l'malgranda guto.

Sed jen ĝi denove elparolis.

Ĝi diris:

— Unufoje en la jaro, kiam la ĉieloj estas klarbluaj kaj ridemaj, kiam la printempa suno brilas ĝentile, kiam la bordoj estas ornamitaj per verdaĵo kaj floroj, kiam tra la vasteco portiĝas la renoviganta odoro de l' printempo, ni festas la tagon de nia amikeco kaj forto: en tiu tago ni rememoras la estintecon kaj ekrigardas pli profunde la estontecon. Hodiaŭ estas tiu ĉi tago, frato mia!

La homo resentiĝis. Post li, sur la nigraj skeletoj de la giganta konstruaĵo estis senbrue kaj surde. La formikaro da laboristoj rampis al la urbo. Ekiris ankaŭ li. Ektondris majesta, solena kanto. Kaj ĉiun momenton la festantoj fariĝis ĉiam pli multe kaj pli multe, plenigis la vojon, la grandan urbon, la ĉirkaŭajn kampojn, la grandan vastecon, la tutan teron...

Ili estis multnombraj, kiel la mar-gutoj, kaj ilia kanto estis fortoplena, kiel la kanto de l'oceano.

*El la bulgara: Iv. H. Krestanoff.*

## LASTA INSTANCO

**LAŬ POLA KANTO: JURIJ SOLTYKEVYĈ**

*Mi venis al gepatroj kun tre humila pet':*
*Permesu enamiĝi al bela knabinet'!*
*Sed tuj ekriis patro: Senfrukta via pen',*
*Nenion kontraŭleĝan aprobos mia ben'.*

*Urbestron mi aliris: Permesu, ho sinjor',*
*Ke amu mi knabinon el mia tuta kor'!*
*Mi tion malpermesas, ĉar malaperos bar',*
*Nur kiam vin kunigos la pastro ĉe altar'.*

*Mi iris do al pastro kaj ekesperis jam:*
*Ĉu oni rajtas ami, ĉu peko estas am'?*
*Sed ekkoleris pastro: Malĉasta ŝajnas vi.*
*Ordonon sesan gardu de la plej sankta Di'!*

*Do venis mi al Dio: Ho ĉiopova Fort'*
*Ĉu rajtas mi knabinon ekami ĝis la mort?*
*Kaj Dio ekridetis kaj jenon aŭdis mi:*
*Nature, ĉar knabinon mi kreis ja por vi!*

# EL LA CIKLO "AGLO KAJ KOLOMBO"

KOLOMANO DE KALOCSAY

## DEMANDO

*Ĉu volus vi l' Estinton dronigi en forgeso*
*Nun, kiam estas via animo jam ruino*
*Kaj klini vian kapon konfide al la sino*
*De ĉasta ama revo, por milda ekkareso?*

*Ho, ĉu ne, bone estus, se sankta ama sento*
*Per sorĉbalzama fingro reportus al vi sanon,*
*Se ĝi el temp' feliĉa resorĉus la infanon*
*Naive revadantan, sen kulpo kaj sen pento?*

*Kaj sankta estus ĉio: rubando kaj har-ĉeno,*
*Kian al hostiujo la id-timanto pia,*
*Ĝi sankta estus, sankta, ĉar amo arda, dia,*
*Kaj ke ĝi por Ŝi batas — sanktigus tiun koron.*

*Kaj sankta estus ĉio: rubando kaj har-ĉeno,*
*Kiujn per bonodoro la kara korp' saturas,*
*Kaj bone estus: ŝtele rigardi, kiel kuras*
*Gracia ŝia ombro vespere tra l' kurteno.*

*Kaj flustro! En duopo! Vespere, ĝis malfrue!*
*Kaj vort'! La dolĉa vorto! La vort' el lipo trema!*
*Dirita kun languoro kaj nun sopir' timema,*
*Dum ŝian manon svene vi kisus, surgenue.*

*Kaj bona estus eble eĉ jeno: post rezigno,*
*Sciante ŝin feliĉa, formigri el proksimo,*
*Kaj kun brulanta zon' de l' doloro sur animo,*
*Ĉi turmentzonon porti orname kaj kun digno.*

*Kaj beni ŝiajn kisojn, donatajn al alia,*
*Kaj tiun, kiu por ŝi feliĉon ekmalfermis.*
*Kaj kisi ŝtele, arde infanon, kiun ĝermis*
*De tiu fremda viroinguveno kara, ŝia!*

*Ho bruli tage-nokte, ho bruli, ardi, flami,*
*Ha droni en la fajro de l' am' senbrida tute!*
*Kaj flagri ĝis ĉielo... aŭ forcindriĝi mute...*
*Plezure aŭ turmente — ĉu do vi volus ami?*

## LA BRULANTA SALIKO

*Silenta tomb' soleca jam estis mia koro,*
*En kiu morte kuŝis sopiro kaj memoro,*
*Ĝin preterkuris vivo, starantan apud voj',*
*Kaj sur ĝi staris velke saliko de malĝoj'.*

*Sed venis vi survoje, rigardon al ĝi ĵetis*
*Kaj per rigardo via folioj ekflametis,*
*Kaj kreskis flamoj kaj la malriĉa tomb-ornam':*
*Saliko de malĝojo jen staras nun en flam'.*

*Kaj brulas la saliko fumante kaj fajrere.*
*Kaj kio nun? Ĉu ĉio forbrulos senespere?*
*Aŭ — el la tombo, kiu fariĝis mia kor',*
*Fenikse reviviĝos sopiro kaj memor'?*

## KIO ESTIS

*Ho kio estis, kio?...*
*Ni restis solaj... kaj la melodio*
*De via voĉ' ŝiriĝis... jen ekpalis,*
*Jen ekruĝiĝis via vang'... vualis*
*Nebul' okulojn viajn... Malrapide*
*Vi fermis ilin... Febra brul' avide*
*Ekmordis viajn lipojn... Vi sufere*
*Kliniĝis al mi — kvazaŭ sinofere.*

*Jen estis ĉio... Grincis pord' subite,*
*Kaj ve, sveninte, ĉe la kor' trafite*
*Defalis birdo sankta: ĉi Minut'.*
*Kaj aĥ, el ĝia sango granda gut'*
*Defalis al la mez' de mia koro*
*Kaj tie brulos ĝis la morta horo.*

## DONACO

*Ho kara, mi ne povas al vi doni*
*Juvelon, oron, koron sendoloran,*
*Nur larme vian frunton la marmoran*
*Per dorna kron' de l' am' malĝoja kroni.*

*Ho, sciis mi en brila ĝojo droni,*
*La lipoj havis ridon orsonoran,*
*Sed ridon: mian sonorilon oran*
*Forĵetis mi, ĉar ĝin disrompis oni.*

*Ne tuŝu ĝiajn rubojn, ho aminda!*
*Cinika voĉo de l' rompita rido*
*Timigus vin per bruo raŭke tinta.*

*Sed vidu perlojn en konstanta sido*
*Sur okulparo por la ĝoj' jam blinda:*
*La viaj estas. Prenu do kun fido.*

## MILDA DEZIRO

*Ho kara, kial estus sent' plezura*
*Genui antaŭ vi kun koro pia,*
*Kaj post konfes' pri ĉiu peko mia*
*Eksenti, ke mi lavis min jam pura.*

*Juprandon vian kapti kun konfido,*
*Ke, kiel knabon pekan, sed pro pento*
*Plorantan, amu, savu min el tento,*
*Min el abismoj portu via gvido.*

*Se vi ĉeestas, mi nenie trovas*
*Malbonan memon, la amaran, duban,*
*Nek la sopiron pezan kaj inkuban,*
*Stulteta sonĝ' naiva min alblovas.*

*Infana, blanka aĝ' de kiu moke*
*Forkuris koro: filo malŝparema,*
*Kompatas min en resopiro trema,*
*Min malfidelan, reatendas voke.*

*Kaj tiam mi dezirus en sekreto*
*La kapon klini sur genuon vian,*
*Kaj al vi spiri flustron emocian:*
*„Ho se mi estus via infaneto!"*

# VIVO SUR TOMBOJ

STANISLAVO ZAUSMER

1.



Dum malfrua antaŭvespero mi ĉeestis la enterigon de ia malproksima kunulo. Tien venigis min pli la *„tiel decas"*, ol sincera korsento. En la malplena, altega halo kuŝis sur katafalko nigra, modesta ĉerko. En la ĉambregon penetris nur nemultaj lumgarboj tra la pentritaj fenestroj. Poste oni kantis kaj iu paroladis vere sentplene kaj kortuŝe.

Tamen mia atento ĉiam forvagis. — En la kupolo de la serioza, funebra konstruaĵo saltetis kaj flugilbatis laŭta paseraro. En la profundan mortkanton sonis ĝoje kaj vivige la ĉirpado de paseroj. Obtuze, majeste sonis mortkantoj. Sed mi aŭdis nur la senĉesan, vivplenan ĉirpadon de la paseroj.

Kiam ni eliris, falis la unua, mola neĝo.

2.

Iufoje mi postmarŝis inter densa sekvantaro funebran akompanon. Ĉirkaŭe arbaro da monumentoj kaj marmoraj ŝtonoj. Ni paŝis malrapide inter malgrandaj termontetoj kaj velkintaj florkronoj, ofte glitante sur malseka argilo.

Subite ni ekaŭdis bruegon kaj rapidege preterŝvebis aeroplano malalte super niaj kapoj. Brilis ĝia gracia, aluminia korpo. Potence tremigis la aeron turnegiĝanta, rapidmova helico. Venke, triumfe preterflugis brueganta, brilanta aeroplano.

Eble dum tiu ĉi momento krevis koroj pro ega doloro, eble tiam cent homoj ploris sincere, korŝire ; mi — ne kapablis forturni la okulojn de la muĝanta, sonleganta maŝino. Sur fono de l' mortintejo ĝi prezentis la bruantan, potencan vivon.

3.

Sur ia pompa, luksega marmortombo estis skribite : *„Li ĉiam vivis nur por sia familio kaj por siaj profesiaj devoj. Nobla homo! Pro tio nia amo eterne restos kun Vi."*

Kaj apud la tombeja muro estis argilmonteto sen nomo, sen floroj. Tie ĉi ripozas la homo, kiu vivis por la aliaj.

Tamen ŝajnas al mi, ke post cent aŭ ducent jaroj forviŝiĝos la skribaĵo sur la tombo de l' riĉulo kaj renversiĝos la marmora ŝtono, sed sur la loko, kie nun kuŝas mizera argilmonteto, staros ega, bruanta fabriko aŭ blanka, gajvoĉa infanejo.

# KANTANTAJ POSTENOJ

TEKSTO DE JULIO BAGHY — MUZIKO DE MIHAELO SÁROSSY

*Kun lupbojado vento vetveadas...*
*La frosto siblas: fajfas vintroprinc'.*
*Kun gaj' freneza neĝo dance vadas*
*laŭ blov' ĵetante sin kun knara grinc'.*
*En la muzik' ĥaosa dum la mortobalo*
*malsata korvograk' koncertas en la valo,*
*sed spitas fiere kun firma sinten'*
*ĉe lim' manĝuria — japana posten'.*
*La juna soldato kun rava rigard'*
*kun koro kantanta postenas en gard':*

> *Ĉerizfloro pompas, ĉerizfloro falas;*
> *gejŝo june ridas, gejŝo velke palas.*
> *Hejmojn la tertremo rube rulas, ŝovas;*
> *fruktojn la tajfuno en la maron blovas,*
> *sed nedetrueble en la kor' japana*
> *vivas patrujamo ĉe la Fujijama.*

*Li vigle gardas, al la val' rigardas...*
*Ŝtiparo karbe brunas tie jam.*
*Ĉi morta fajro en li vive ardas,*
*ĉar lia frat' cindriĝis en la flam'...*
*Heroajn cindrojn de l' model' pri „brave morti"*
*al Nippon nun la vento portas por raporti,*
*ke spitas fiere kun firma sinten'*
*ĉe lim' manĝuria — japana posten'.*
*La juna soldato korŝire pro sent'*
*nun kantas ekstaze tra l' muĝo de l' vent':*

> *Ĉerizfloro pompas, ĉerizfloro falas;*
> *gejŝo june ridas, gejŝo velke palas.*
> *Hejmojn la tertremo rube rulas, ŝovas,*
> *fruktojn la tajfuno en la maron blovas,*
> *sed nedetrueble en la kor' japana*
> *vivas patrujamo ĉe la Fujijama.*

*La okcidenta vento tra la limo*
*jen novan kanton flustras al li nun:*
*ribela kanto pri mizer' kaj ŝlimo,*
*pli forta ol tertremo kaj tajfun'...*
*La venĝfuror' miljara sangsoife bruas,*
*renversas ĝi miljarajn reĝnojn, mondon skuas,*
*sed spitas fiere kun firma sinten'*
*ĉe lim' manĝuria — japana posten'.*
*kaj tondras plengorĝe kun unu anim'*
*la miloj da viglaj postenoj ĉe l' lim':*

> *Ĉerizfloro pompas, ĉerizfloro falas;*
> *gejŝo june ridas, gejŝo velke palas.*
> *Hejmojn la tertremo rube rulas, ŝovas,*
> *fruktojn la tajfuno en la maron blovas,*
> *sed nedetrueble en la kor' japana*
> *vivas patrujamo ĉe la Fujijama.*

Kun lupbojado vento vetveadas La frosto siblas fajfas vintreprene'. Kun gaj'freneza neĝo dance vadas laŭ blov' ĵetante sin kun=knara grine'.

f

En la munt'kaosa dum la mortobalo, Malsata korvograk' koncertas en la valo, sed spitas fiere kun firma sinteni ĉe lim' manĝuria ja-pana postern' La juna soldato kun ra-va rigard' kun koro kantanta pos-te-nas en gard'.

decisa

ritar. . . . .

rit. . . . . .

f

Lento

Ĉerizfloro pompas ĉerizfloro falas; ĝeŝo june ridas, ĝeŝo-velke palas. Hejmo en la tertremo rube rulas ŝovas, fruktojn la tajfuno en la maron blovas.

riten. . . . . . .

a tempo

riten. . . . . . .

Maestoso

Sed nedetruebla en la koj' japana vivas patrujamo ĉe la Fuĝijama.

f

ff

E. Schönfeld.

fs

# KIEL INSTRUIS MIHOK LA ANGLAN LINGVON?

JULIO BAGHY

eŭtenanto Petroff singarde, iom post iom, ŝovis la kapon el sub la lana kovrilo, ĉirkaŭrigardis. Hela taglumo en la ĉambro. Ekstere sennuba ĉielo. Verŝajne frosto. Li rigardis la termometron. La enĉambra temperaturo estis dekkvin gradoj super la nulo.

— Brrr! Nur dekkvin gradoj... Ekstere estas certe minus dudek kvin...

Aperis antaŭ li la ekzercejo. Liaj dentoj eklaketis. Li jetis rigardon al la senfajra forno, alian rigardon al la poŝhorloĝo, vigle tiktakanta sur la apudlita ŝranketo kaj poste, kovrante sin per la lantukego li kuntiriĝis kiel piktuŝita raŭpo sub brasikfolio.

— Ankoraŭ tro frue... estus bone dormeti iom! — kaj por provi tion li forte fermis la okulojn.

Senbrue, kiel la ombro, ŝtelis sin en la ĉambron lia servisto Miĥaelo Mihok, pala stangostatura militkaptito. Sub la dekstra brako li premis al si faskon da ligno, sub la maldekstra — pajlajon en malnova gazeto, kaj en la manoj li tenis grandan samovaron. Li penadis paŝadi kiel eble senbrue kaj piedpinte. Ĉe ĉiu paŝknaro, glastinto, kulerfalo, seĝrenverso li time kaj respektplene palpebrumis al la lito, kie sub la kovrilo, kvazaŭ minace, montetiĝis la grasa kaj nenomebla parto de la sinjoro leŭtenanto.

Miĥaelo Mihok jam laŭnature estis timema, servema kaj ĝentila. La servemon kaj ĝentilecon li bone profitigis en sia civila profesio. Li estis tajlorlaboristo en provinca urbeto. Precipe li timis leŭtenanton Petroff, kiun li konis nur de tri tagoj. Ho, kiaj tri tagoj! Vera malfeliĉo, ke oni komandis lin ĉi tien! Escepte kelkajn frazojn li ne komprenis la rusan lingvon. Bonvole li klopodis plenumi la dezirojn, sed la timo ofte paralizis liajn kapablojn. Nemirinde, ĉar leŭtenanto Petroff estis fortika, grasa, bizonstatura kaj havis leonvoĉon. Certe li devas esti kruela tigro, — pensis Mihok.

Ĉiumatene kaj ĉiuvespere ili havis kuriozan konversacion. Tiuj eĉ pli firmigis lian opinion. Petroff klarigis ĉion per man- kaj piedgestoj, per mimiko kaj diversaj akrobatajoj por komprenigi sin kaj dume aŭdigis leonvoĉon. Mihok streĉis sian atenton, igis ekfuncii sian etan fantazion por diveni la signifojn de tiuj misteraj manovroj, kiujn faris kun plena energio kaj fervoro la leŭtenanta moŝto. Tamen sinsekvaj miskomprenoj maldolĉigis lian vivon. Nu kaj tiuj turmentaj kapdoloroj, kiuj sekvis la atentostreĉon!? Ankaŭ ili estis iom pli ol nenio.

Sed kial ne lernis Mihok la rusan lingvon? Pro du kaŭzoj. Unue, ĝis nun li nur vidis la rusojn, sed ne vivis inter ili; due, ĉar li vere ne havis lingvistan talenton. Krom tiuj du estis ankoraŭ tria. Li estis revemulo. Tiu ĉi revemo instigis lin lerni Esperanton. Oni instruis tion en la militkaptitejo. Li do komencis kaj finlernis ĝin. Oni ne povu diri hejme, ke dum la longa foresto li ne profitis ion pli utilan ol tiu malbenita nazkataro, kiun nepetite li ricevis en la subteraj barakoj de Tockoe. Tiu ĉi lingvoscio estis triumfo por li, ĉar malgraŭ penoj kaj elspezoj li ne kapablis lerni fremdan lingvon. La mono ĉiam formigris kaj lia cerbo nur nigris. Sed nun eĉ lia revemo havis freŝan nutrajon. Li posedas lingvon, kiu egalvaloras ĉiujn, ĉar ĝi estas parolata ĉie, kvankam ne de ĉiu, sed tio estas nuntempa bagatelajo. Li sentis sin grava persono, pioniro de kulturmovado kaj en sia revo li jam fondis la „In-Tu-As-Es-Ta-He"-n (Internacia Tutmonda Asocio de Esperantistaj Tajlorhelpantoj) kun speciala insigno: verda stelo, trapikita per pinglo kaj kudrilo. Li estos la prezidanto kaj tiam li provos sendanĝere svati la manojn de Rozinjo. Ho Rozinjo, Rozinjo, belega modpupforma filino de kruela majstro, kiu ofte mezuris la ulnon al lia dorso dum la lernojaroj, se vi konjektus la dolĉan sekreton de Mihok, tiam vi certe ne turmentus la patran koron per ĉiutaga „neniu edzinigas min... mi devas fariĝi maljuna fraŭlino kun papago kaj kun dekduo da katetoj." Pri la kruela majstro, kaj precipe pri la ulno subite venis ideo, kiun Mihok dorlote vartis en si. Li konsideris sin martiro de tiu ĉi movado. Ĉu ne martireco estis suferi vangofrapojn de kolonelo pro la kvinpinta verda stelo? Certe jes. La vangofrapoj koncernis verŝajne la *kvinpinton* kaj ne la *koloron*, sed tiaj bagateloj ne gravas. Martiro estos la edzo de belega modpupforma Rozinjo... Tia vireto estis Miĥaelo Mihok.

Sed nun la neforpelebla realo devigis lin servi ĉe tiu ĉi bizonstatura, leonvoĉa leŭtenanto kiu ĉiutage torturis lin per misteraj gestoj, grimacoj, nekompreneblaj akrobatajoj. Hja, tia estas la sorto!

Li faris fajron en la forno, starigis la samovaron antaŭ ĝin, alĝustigis tubeton, kies finon li metis en la fornpordeton. Tie estis forta aertiro. Poste li pretigis ĉion por la sinlavado de la leŭtenanta moŝto: malplenan sitelon, sapon kaj glason da akvo.

Dume leŭtenanto Petroff transdonis sin al la kutima frumatena meditado pri la vivo, pri variado de ŝancoj. Antaŭ unu jaro en Petrograd li fiere paradis en sia nova uniformo sub fenestroj de bela vidvino de riĉa komercisto. Li havis esperon kaj imponajn pagonojn, sed venis la revolucio kaj la vidvinon kune kun la kapitalo edzinigis prudenta komisaro. Liaj espero kaj pagonoj falis en la koton kaj la sinsekvaj bataloj pelis lin ĝis la ekstrema oriento. La pagonojn li denove havis, sed kia vivo?! Brrr! Li estas ja pacema kiel . . . kiel tajloreto kaj tamen ĉi tie . . . en la *„inĝeniera bataliono"*... Ĉe tiu vorto li ekmiris. Kial oni nomas ĝin „inĝeniera"? Eĉ unu inĝeniero ne troviĝas inter la oficiroj. Profesie li estas ja simpla dentisto, eĉ ne doktoro... la kapitano estis notario, la... Eble la kolonelo? Ne! Tute ne! Li havis kolbasfabrikon en *Udinsk* . . . Kial „bataliano"? Tridekses oficiroj, kunpelitaj de revoluciaj ventegoj, jam estas bataliono? La soldataro konsistas el kvin dungitaj ĥinoj. Ili flegas ok mizerajn ĉevalojn en la staloj kaj ĉiumatene tiras du kanonojn sur la ekzercejon. Krome estas pli ol kvardek komanditaj militkaptitoj por servi ilin kaj kuiri nemanĝeblajojn por la oficiraj stomakoj... Bah, kia vivo? Pli profite estus eltiradi la dentojn de pacemaj veantoj en Petrograd ol ĉi tie tremadi por la propra vivo kaj ĉiutage prepariĝi por subitaj atakoj de boiŝevikoj . . . Kion fari? . . . Rifuĝi? Jes, rifuĝi, sed kiel kaj kien? . . . Kaj ĉi tiuj dungitaj ĥinoj kaj komanditaj militkaptitoj eble . . .

Mihok plenumis sian taskon. Ĉio estis en ordo. Li paŝis al la lito, delikate ektuŝis la leŭtenantan moŝton. Delikate, sed ne en feliĉa momento. La vigla fantazio de Petroff ĵus skizis teruran situacion, en kiu la ĥinoj kune kun la militkaptitoj konspiris kontraŭ la oficiroj. Kiam Mihok ektuŝis lin, ĝuste en tiu momento li vidis sin trapikita de sia servisto. La tuŝon li sentis kaj por defendi sin kaptante la revolveron el sub la kusenoj li salte leviĝis kun domskua ekkrio. La malfeliĉa Mihok pro teruro faligis la tason da teo kaj mortpale humile palbebrumis jen al la danĝera armilo, tenata kontraŭ lia brusto, jen al la terurtaŭzita mieno de la leŭtenanta moŝto.

Longminuta paŭzo. Petroff vidante la tremantan kapon de Mihok tuj embarasiĝis. Li sentis honton kaj, por kaŝi ĝin laŭte ekridis. Mihok pensante, ke ridi estas devo, kiam la mastro ridas, ankaŭ li altrudis mucidan rideton je siaj kurbiĝintaj lipoj. Lia mieno similis al tiu de citronglutanto kiu volas ŝajnigi, ke la citrono estas mieldolĉa. Petroff nun plengorĝe kaj sincere ridegis, ĵetis la revolveron sur la liton, rigardis la termometron. Ĝi montris dudek kvin gradojn.

— *Ĥaroŝo!* (Bone!) — li diris kaj enlitiĝis.

Mihok kun tremantaj manoj kolektis la rompitajojn, zorge forbalais la splitojn, por ke ili ne vundu la piedojn de la leŭtenanta moŝto, pretigis teon en la glason kaj el respektinda distanco proponis ĝin.

— *Gospodin . . . eto ĉaj . . . ĉaj pitj!* (Sinjoro, jen teo, tetrinku!)

— *Nu, ĥaroŝo . . . blagodarju vas . . .* (Nu bone mi dankas.)

Petroff trinkis, Mihok staris ĉe la forno. Kun premegita koro li pripensis la ĵus forpasintan terurajon. Lia timemo vestis la estontecon en nigran funebron, ĉar li estis nun tute konvinkita, ke la sinjoro leŭtenanto estas tigro.

Dum la tetrinko Petroff projektis kelkajn planojn por la rifuĝo. Malagrable estus kuŝi traborite per kuglo, tiradi dentojn estus pli prudente. El la planoj taŭgis neniu. Hazarde lia rigardo trafis Mihok-on, kiu dancante je unu piedo al alia hundokule observis liajn movojn, kaj nova ideo venis, facile efektivigebla. Onidire la militkaptitoj baldaŭ hejmeniros. Estus bone vojaĝi kun ili en Eŭropon. Bedaŭrinde krom la rusa li ne konas alian lingvon. Nu li devas lerni! Sed de kiu? Memkompreneble de Mihok. Li estas eŭropano, aspektas inteligenta, li *nepre* devas scii kelkajn lingvojn. Tiu ĉi *„nepre"* tuj fariĝis lia fiksa ideo.

— *Herr Mihok . . . govoritje pa germanski?* (Sinjoro Mihok, ĉu vi parolas germane?) — li komencis leonvoĉe. Mihok ektremis. Li komprenis nenion krom la vorto „germansk" ? Verŝajne la leŭtenanta moŝto bonvolis interesiĝi, *ĉu li vidis* jam germanon? Li vidis ja. Kion fari? Eble ne estas kulpo vidi germanon kaj humiltone li informis la tigronaturan sinjoron.

— *Nu ĥaraŝo. . . . i pa francuski?* (Nu bone kaj france ?)

— *Da !* (Jes !)

Mihok iom pripensis la demandon, esploris en siaj rememoroj. Kie li vidis francon ? Ah, jes ! En la modgazetoj ĉe lia majstro. Certe tiuj bildoj figuris francojn, ĉar la gazeto venis el Parizo.

— *Da, da!* — li respondis post iom a konsidero.

— *i toje pa angliski?* (kaj ankaŭ angle?)

Mihok embarasiĝis. Nun jam li tute ne komprenis la leŭtenantan moŝton, sed por daŭra pripensado li ne havis tempon, ĉar tiuj okuloj kvazaŭ trapikis lin. Li rapidis do respondi.

— *Dadada!*

— *Ĉto dadada ?* (Kio jesjesjes?)

— *Niĉevo!* (Nenio!)

— *Ĉto niĉevo ?*

— *Niĉevo dadadada njet!* (Nenio jesjesjesjes ne!)

La sensenca respondo pruvis, ke Mihok miskomprenis lin, sed tamen Petroff pensis, ke eŭropano *nepre* devas paroli tiujn lingvojn. Mihok aspektas inteligenta, estas eŭropano, li do parolas tiujn lingvojn. Petroff provis alimaniere kompreniĝi sin. Li montradis al diversaj objektoj de la ĉambro kaj leonvoĉe demandis, pensante, ke la tono plialtigita helpas en la interpretado.

— *Pa germanski . . . pa francuski . . . pa angliski?*

Mihok iom post iom ekkomprenis pri kio temas kaj tiam elbalbutis la lastan frazon de sia rusa lingvoprovizo.

— *Ja nje znaju!* (Mi ne scias!)

Leŭtenanto Petroff ne volis kredi je siaj oreloj, eble li malbone aŭdis. La konsterniĝo kvazaŭ tondris en lia voĉo.

— *Ĉto vi nje znajtje?* (Kion vi ne scias?)

Pizograndaj ŝvitgutoj aperis ĉe la tempioj de Mihok. Li pensis, ke tiu ĉi terura homo certe mortpafos lin, se li ne scias ĉion, kio estas postulata. La malesperiga situacio donis al li genian ideon, kiu savos lian vivon almenaŭ por la momento. Kiam Petroff persistis plu en montrado kaj demandado, volante scii germane la vorton *„seĝo"* tiam li senhezite respondis.

— Das seĝungen.

— *pa francuski?*

— Le sej.

— *i pa angliski ?*

— The siĝ.

Petroff estis kontenta, sed por tute konvinkiĝi li komencis novan provon montrante tra la fenestro al tureto, kiu staris sur la ekzercejo de la urba fajrobrigado.

# TRI POEMOJ DE

**R. LUCIO**

## AMA MATENO

*Matenaer' min ĉirkaŭspiras,*
*Aero dolĉa, freŝa, klara,*
*Kaj melodi' de ĥor' birdara*
*El mia brust' malĝojon tiras.*

*Dolĉamon ne plu mi sopiras,*
*Turmento ĉesis multejara,*
*Ĉar amas min knabino kara —*
*Mi ŝin adoras kaj admiras.*

*Maten' lumanta, bluĉielo,*
*En brusto mia — juna am',*
*Senlima kiel suna helo.*

*Ho frumaten' de amo mia!*
*Eterne brulu, sankta flam',*
*Per ninkompreno harmonia!*

## TEDO

*Kelkfoje, kiam ond' de ĝuosento*
*Min superŝutas, dronigante min,*
*Dum ekkriego en pasimomento,*
*En ĉirkaŭpren' de perciga tento,*
*Sub kisegar' de iu amatin'.*

*Kelkfoje, kiam ard' kaj flagra flamo*
*Min brulsufokas ĝis mildega sven',*
*Eksentas mi ke ĉiu tia amo*
*Nur estas vanta, nenieca dramo,*
*Kaj ĝin forpelos brilo de l' maten'.*

*Ho, mi ja scias ke en tiu mondo*
*Feliĉ' nur estas — tromp', am' nur — pasi'.*
*Flugetas velka foliar' en rondo —*
*Kaj sub ĝusenta, kisa, drona ondo*
*Min treme skuas frosta konvulsi'.*

## SONETO AL ⁂

*Dum nokto plena je kisad' dolora,*
*Je larmoriĉa, ĝuoplena plor',*
*Ni nin posedis. — Sed silentis kor'*
*Dum tukto, korp' al korpo, multehora.*

*Maten' eklumis. Ni disiĝis. — Floron*
*Vi al mi donis, kaj vi iris for,*
*Ne plu revenis. — Krom velkonta flor'*
*Postlasis vi doloran rememoron . . .*

*Rapidas temp', formortis via flor'.*
*Sed ekvekiĝis en animo mia*
*Potencaj sentoj ardaj, senesperaj.*

*Por vi ekbrulis tiu am' pasia,*
*Ho tro malfrue! Ĉar silentis kor'*
*Dum lukto kaj kisado ĝusuferaj.*

— *Nu, Herr Mihok, pa germanski?*

— Der turung.

— *pa francuski?*

— La Eiffel.

— *pa angliski?*

— Krevu tuj, se mi scias! — eliĝis la amareco el Mihok.

— Krevu tuj ... Da, da, da ... *oĉĉĉen interesni!* (tre interese!)

La apetito de Petroff ĉiumomente pliiĝis por la fremdaj lingvoj. Li decidis formanĝi ilin. Per gestoj, grimacoj kaj akrobatajoj li tuj klarigis al Mihok, ke li devos ĉe ĉiu sunleviĝo preni libron kaj instrui lin, kaj Mihok komprenis, ke li devos la sunon forŝteli de la ĉielo, meti ĝin en la Biblion kaj per la Sankta Libro li devos kelkfoje bati la kapon de la leŭtenanta moŝto. Sed kiel li kuraĝus fari tion ? Bati la kapon de la sinjoro leŭtenanto ? !

Petroff ekfitiĝis, lavis sin per plenbuŝo da akvo kaj post la finvestado li amike frapetadis la ŝultrojn de Mihok, kiu preskaŭ terenfalis pro tiu ĉi intimaĵo. Kiam Petroff estis ekster la domo, li surgenue, kiel bona katoliko, promesis dekduon da kandeloj al Sankta Antonio, se li forkondukos lin sana kaj nekripligita el la manoj de tiu ĉi tigronatura sinjoro.

La tagoj pasis. Ĉiu mateno alportis sian kvarlingvan torturon. Petroff demandis, Mihok respondis kaj ĉe la fino li promesis ĉiam unu dekduon da kandeloj.

Iun tagon Petroff surprizis lin, ke li decidis lerni nur la anglan lingvon kaj li jam aĉetis kajeron, krajonon por noti ĉion necesan. Mihok sentis batadi la koron en sia gorĝo. Kion fari ? Ĝis nun estis facile, ĉar la leŭtenanta moŝto nenion notis kaj forgesis ĉion je la alia mateno. La kajero kaj krajono malebligas la devigatan trupon. Li decidis konfesi, ke lia anglascio egalas la nulon, sed en la lasta momento rigardante la bizonstaturan leŭtenanton li rememoris pri la revolvero kaj rezignis. Venu, kio devas veni! Ankoraŭ kelkaj funtoj da kandeloj pli aŭ malpli al Sankta Antonio ne multon diferencos kaj li sisteme komencis instrui *Esperanton* nomante ĝin *angla* lingvo.

Petroff montriĝis entuziasma anglofilo. Li diligente lernis ĉie: en la kazerno, sur la ekzercejo, en la oficira manĝejo, en la intima ĉambreto de ... sed tio ne apartenas al ĉi tiu historio.

Foje dum promeno li rimarkis ilustritan revuon, kuŝantan sur la trotuaro. Kelkaj ĉifitaj folioj de malnova *„The London News“*. La titolo frapis lian atenton.

— London estas metropolo en Anglujo — li komencis konkludadi — tio estas certa. Nun, ĉar la titolo diras „London“, pli ol verŝajne la gazeto venis el London kaj se ĝi venis el London, sekve ĝi estas angla gazeto. Nu, ni kontrolu nin!

Li levis la foliojn, singarde glatigis ilin kaj provis legi kelkajn liniojn. Li ne komprenis. Iom ekscitite li rigardis ĉiujn paĝojn kun la espero, ke li trovos almenaŭ unu kompreneblan frazeton. Ne, ne kaj ne ! Pro diablo, kiel povas okazi, ke eĉ vorteton li ne komprenis.

Konsternite li rapidis hejmen. Certe Mihok povos klarigi la kialon. Mihok estis puriganta liajn botojn kaj silente malbenadis la ciron, kiu bezonas tiom da kraĉoj. En Eŭropo oni purigas la botojn per lakkremo kaj ne devas elsputadi la pulmon por fari la botojn spegulbrilaj. Petroff ekhaltis antaŭ li, iom hezitis kaj fine metis la foliojn antaŭ la nazon de Mihok.

— Kijo estas tijo ĉi ?

Mihok iom indiferente rigardis la foliojn.

— Verŝajne gazeto.

Petroff eksplodis.

— Nje verŝajnje, sed tutje certje ... Sed kija, djiru Mihok, kija gazeto ?

Mihok eklevis la ŝultrojn, gapis al la folioj, kiujn Petroff minace svingis antaŭ lia nazo.

— Mi ne scias, — konfesis sincere Mihok.

— Vi nje scijas, Mihok, nje scijas? — kriis Petroff kaj kunfrapis la manojn. — Angla gazeto, Mihok, angla gazeto... Nun vi scijas.

Sub la haŭto de Mihok la frostotremo komencis kaŝludon.

— Ne diru, sinjoro leŭtenanto . . . ĉu vere?

— Sed jes, mi djiras ... angla gazeto ... Legu ! Thelon-don-nje-vs ... Mi nje komprenjis eĉ vorton ... Legu !

Mihok transprenis la foliojn, rigardis ilin kun terurstreĉitaj okuloj, sed post momento maŝinrapide fluis vortotorento el lia buŝo.

— Enlamondonvenisnovasento . . . tralamondoirasfortavoko . . . perflugilojdefacilavento . . .

Ĉe Petroff admiro sekvis la koleron kaj dubon.

— Vi scijas legi. Tutje bonje vi scijas legi! Kijel, ke mi nje scijas?

— Vi forgesis verŝajne, sinjoro leŭtenanto, ke la angloj ne tiel skribas, kiel ili parolas. Ekzemple, ili diras „bonan matenon, sinjoro“ kaj ili skribas *„The Szentantalkám segits meg!“* (hungare: Sanktantonĉjo helpu min!). Ĉu vi komprenas? kaj por konvinki la miregantan leŭtenanton pri sia pravo li serĉis inter la ilustraĵoj unu, kiu figuris ekzotikan tribestron kaj anstataŭ la subbilda teksto li komencis legi la „Historion de Homaro“ el lernolibro de E. Privat. Tion li sciis parkere kaj la teksto, se iom lame, tamen taŭgis : — „Kiam la maljuna reĝo de Persujo mortis, lia filo, la juna princo Zemir eksidis sur la tronon . . .

Petroff kontentigite foriris. De tiu tago Mihok skrupule atentis la horizonton, ĉu ia anglo ne aperos ie por renversi ĉion ? Tiuokaze la leŭtenanta moŝto certe ekspedos lin afrankite al la alia mondo ... eble sen kapo. Ĉiutage li promesis novan dekduon da kandeloj kaj pasis longaj monatoj sen notinda okazintaĵo.

Petroff jam bonege parolis la *„anglan“* lingvon kaj ankaŭ Mihok rekonis en sia leŭtenanto la ĝeneralan bonkorecon de la rusoj kaj flameman etuziasmon por belo kaj bono. Li decidis konfesi sian kulpon, se venos bona okazo.

Okazo venis, sed ne bona, ĉar homo projektas, Dio direktas. Jus kiam li ne estis preparita por eventualaĵoj, venis hejmen Petroff kun fremda oficiro. La malfeliĉa Mihok sentis sian kuraĝon paralizita kiel en la unuaj tagoj.

— Mihok, parolu kun tiu ĉi sinjoro, sed tuj ! — komencis Petroff kaj lia voĉo tremis pro la retenitaj kolero kaj indigno. — Li asertas, ke li parolas angle ... Parolu kun li angle ... Tiun anglan lingvon mi ne komprenas.

La haroj stariĝis sur la kapo de Mihok. Nu Sankta Antonĉjo nun helpu — li komencis preĝi en si, — kvintalon da kandeloj mi bruligos por vi post hejmreveno. Li klare vidis, ke nun la pentvoĉa konfeso neniel utilus. Se li komencis ĉi tiun altruditan tragikomedion, li devas finludi ĝin. Nur la impertinenteco povas helpi kaj Antonĉjo. Riskante ĉion je unu kubjeto li ŝajnigis trankvilon.

— Kie kaj de kiu lernis la sinjoro tiun ĉi anglan lingvon ?

— Ĉi tie, de soldato de la amerika armeo.

— Ah, jes ! — Mihok plenblovis sin. La timo, kiel multajn, faris lin aŭdaca en la minutoj de danĝero. Li mem ne konjektis, ke tiom da kuraĝo nestas en li. Kun rideto li daŭrigis. — La sinjoro lernis la *amerikan dialekton* de la angla lingvo, dum ni parolas la *klasikan lingvon* de la *londona aristokrataro*. Jen la diferenco ... Je mia Dio, mi tre ŝatus paroli ankaŭ tiun lingvon, sed mi pensas, oni devas scii unue la klasikan, la aristokratan kaj poste la popolan ... ĉu ne, leŭtenanta moŝto?

La kolero de Petroff vaporiĝis, forflugis kaj eĉ aprobe li balancis la kapon. Tre imponis al li la aludo pri aristokratoj. Li interpretis la vortojn de Mihok, sed la fremda oficiro dube ridetis kaj faris demandon. Petroff tradukis.

— Kie oni povas uzi ĉi tiun lingvon ekster la aristokrataj kvartaloj de London, se la popolo parolas alian lingvon?

En Mihok vekiĝis la propagandisto.

— Ĉie! En ĉiu lando de la mondo! Eĉ en tiu ĉi urbo!! Ĉu vi ne volas kredi? Mi pruvas tion. Bonvolu veni kun mi dimanĉe en la urbon kaj konvinkiĝu, kio valoras pli: via *amerika dialekto* aŭ nia *klasika angla lingvo*?

Petroff denove interpretis kaj ili decidis, ke dimanĉe triope vizitos la urbon.

Mihok sincere ĝojis, sentis sin pli facila, ĉar li estis sur la plej bona vojo malkaŝi ĉion sen fiasko. En la urbo estis granda societo, kie ĉiudimanĉe amase kunvenis babiladi la esperantistoj. Vera internacia societo: germanoj, bulgaroj, turkoj, hungaroj el la militkaptitejo; amerikanoj, ĥinoj, ĉehoj, rumanoj, japanoj el la diverslandaj armeoj; latvoj, poloj, koreanoj, rusoj el la urbano mem. Gaja societo: ĉarmaj virinoj, agrablaj viroj.

Mihok zorge preparis sin por la publika konfeso. Ĉe la pordego de la domo ankoraŭ unu funto da kandeloj kaj Mihok kondukis sian leŭtenanton kaj la fremdan oficiron en la societon. Ilin surprizis la diversnacieco kaj tiu amika intimeco, kiu kvazaŭ sklavigis la vizitantojn. Mihok prezentis ilin al ĉiu ĉeestanto aparte.

— Jen turko, alparolu lin! Jen polo, alparolu ŝin. Jen ĥino, alparolu lin! Jen japano, alparolu lin.

Petroff havis kapturnon pro feliĉo, ke li komprenis ĉiujn kaj estis komprenata de ĉiuj. Male lia akompananto, ĉar escepte du amerikajn soldatojn neniu komprenis lian „dialekton". Li estis devigata rekoni, ke la *„aristokrata"* angla lingvo superas la *popolan*.

Kaj Mihok en solena silento publike konfesis sian kulpon, petis indulgon de leŭtenanto Petroff, kiu pro la neklarigebla sento ĉion forgesis ĉirkaŭ si kaj kun vera rusa flamemo li cirkaŭprenis sian serviston, kisis trifoje lian buŝon por sigeli la fratecon... Tiel instruis Mihok la anglan lingvon kaj tiel fariĝis Petroff entuziasma samideano.

Tamen la fino de ĉi tiu historio ne estas tre kontentiga. Mihok, kiel bona katoliko, du jarojn laboris por la kandeloj promesitaj al Sankta Antonio kaj dum tiu tempo la belegan modpupforman Rozinjon edzinigis lia kolego. Tiam li riproĉis iomete Sanktan Antonĉjon, sed kiu scias, ĉu ne la Sanktulo savis lin el tiu infero, en kiun la alia falis. Ni scias nur, ke Mihok restis sola kun la revo „fondi la In-Tu-As-Es-Ta-He"-n kun speciala insigno: verda stelo, trapikita per pinglo kaj kudrilo.

---

# PENTEKOSTE

ALBERT ENGSTRÖM



Nenia floro tiel povas brili en la herboj, kiel la tusilago. Sed ne varme ĝi ardas. Ĝia koloro estas parenca kun la aero ankoraŭ malvarmeta de la printempo. Ĝi nur estas promeso, antaŭsento. Sed ĝia oro havas en sia malvarma intenseco tamen pli altan kolorvaloron ol la metalo. Ĝi estas la plej flava flavo pensebla.

Mia arbaro estas blua kaj viola de anemonoj. En la densejoj de rozarbetoj kaj sub la piceoj kaj pinoj estas varme kiel en sterkbedoj kaj tie ili kreskas en riĉo kaj multo, kiajn laŭ mia memoro mi antaŭ nun neniam vidis. Unu kaj alia flaveverda gageo provas igi sin respektata en la tuto de tiu blua abundeco, sed aspektas tre senkuraĝa kaj malkreskanta. Ĝi cedas al la superpotenco kaj propagandpolitiko de la anemonoj.

Je kvin paŝoj for de la antaŭpostenoj de la anemonoj la maro plaŭdadas kaj la reto de sunradioj tremas super fuko, ruĝaj ŝtonoj kaj sablo, kiu bluverdiĝas en la pliprofundo. La blua silka suprajo ludas, ke estas jam somero kun sunnebuleto kaj vidiluzioj. Plej ekstere iras blanka vaporŝipo. Ĝi ŝajnas stari senmove kaj ĝia fumo disetendas sin kvazaŭ grandega suprokrono de pinio. La insularo Aland speguliĝas klare en la aero, kaj la sunlumo rebrilas en la fenestroj de la poŝtdomo sur insulo Ekerö.

La akvo estis rapide plimalaltiĝinta kaj restigis ĉirkaŭ la rifoj blankan salstrion, similan al neĝo. Sed certe ĉio estas somero kaj rideto tie ekstere, kaj tra la mallaŭta plaŭdado ĉe la bordo kaj la brueto de la malforta venteto en la pinarboj oni aŭdas la muzikon rave sonoran de la fuligolo, unu el la plej belaj akompanoj al la mil aliaj melodioj de la printempo.

Jen, nun a pentekostofestanta homaro devas uzi la okazon por esti ekstaza. La aeraj kaj akvaj spiritoj estas favoraj. Nun devus blankaj plezuraj jaĥtoj kun bluanemonaj girlandoj sur la mastoj kaj velstangoj kaj kun gajaj homoj sur la ferdeko je kantado kaj muzikado sin direkti elen de ĉiuj bordoj, elen sur la logantan, briletantan maron afablan. Verdire ili devus havi silkajn velojn kaj stangojn oritajn. Sed eble ankoraŭ pli bone estus, se ili havus akvoeltenajn fakojn kaj unuaklasan vivsavilaron.

Mi ne scias, kiu potenco nun devigas min, ke mi rakontu historion malgajan de sur la maro ĉi ekstere. Sed ĝi ne estas ĉiam tiel dolĉe kaj ensonĝe blua, kiel hodiaŭ.

En iu tago de marto antaŭ multaj jaroj iu maljuna fiŝisto kaj lia filo iris eksteren por atingi la fokoglacion. Ili jus vidis de sur la observa monto du tri putojn malproksime ekster la *Storbrott* (Ondrompega rifo). La virinfokoj sendube jam naskis idojn kaj tiuj do estas ankoraŭ tiel junaj, ke ili ne povas naĝi. Sekve ekzistis ŝancoj por povi mortbati iun fokidon se ne eĉ iun plenaĝan fokinon apud la putoj.

Kun siaj glitveturilo, pafilo kaj pikbastono ili eliris sur la glacion. La vetero estis la plej bela, sunbrilo kaj forta frosto.

Marŝinte kvin kilometrojn ili sin trovis ekstere sur la maro... tiam subite la bubo ekhaltis, fingre montris norden kaj demandis:

— Patro, jen kio estas?

La maljunulo fermetokule rigardis norden. Blunigra nubo ekleviĝis malantaŭ la lumturo *Understen* (Subŝton). Sed ĝi ne estis ia nubo ordinara. En ĝi ĉio sin movadis, ondigis, sin tordis.

— Ho Jesuo, bubo, la glacio ekdisrompiĝas! Ni kuru pro la vivo, rekte al tero!

Kaj ili kuris. Ĉiam pli alte leviĝis la nubo kaj el norde oni aŭdis teruran muĝegon, kiu kreskis kaj proksimiĝis. Baldaŭ ili vidis la maron rompi kontraŭ la glacio. Kaj la akvego alproksimiĝis karbe nigra sub la nubo kun blankaj ekrompiĝoj.

Sed ne longtempe ili kuradis, antaŭ ol ili sentis, ke la glacio sub ili komencas ĝemi. Estis grandaj dikglaciajoj kun bluglacio inter ili.

— Forlasu la glitveturilon kaj la pafilon, sed retenu la pikbastonon! Kriegis tra la brumuĝo la maljunulo. La knabo forlasis.

Estante pli rapidkura ol la maljunhomo kaj eble pli timanta, la bubo kuris kelkajn paŝojn antaŭ la patro. La grandaj glaciflotajoj komencis rompiĝi kun longaj krakantaj kaj grincantaj sonoj. Kaj la fendoj de la bluglacio ŝprucis la akvon kaskade.

Ili proksimiĝis al la „Tago", la plej ekstrema rifinsuleto. Nur kelke da minutoj kaj ili estos savitaj.

Sed subite la bubo aŭdis de malantaŭ si ekkrion: — Helpu! Li turnis sin sur la ŝancelanta grundo kaj vidis, ke la patro enfalis en nove fariĝinta vako inter du glaci-

ajoj. Nur la kapo estis videbla super la fendo. La ĉapo defalis.

La knabo returnis kaj kaptis la maljunulon per liaj grizaj haroj, sed ekhavis en sia mano la nuran kapon. La kolon detranĉis la akra bluglacio.

Li staris sur sia ŝancelanta glaciflotaĵo kun sia terura portaĵo kaj rigardegis ĝin, frapita de terurego kaj kun krete pala vizaĝo. Tiam li deĵetis ĝin for de si kun ekkrio freneza kaj kuris, kuregis...

Kiam li atingis la teron, tiam la maro estis libera, kaj per la furiozanta nordventego la glacio, dismuelita en frakasaĵon, estis pelata suden.

Ne estis ia fiera fokĉasisto, kiu subrampis sub la ŝafofelan litkovrilon en tiu vespero, sed malgranda ploranta marbordana knabo, kiu ekhavis ion memoradi, kio persekutos lin maldormantan kaj songantan, dum li vivos.

Mi ne fidas la maron, eĉ ne hodiaŭ. Sed bela ĝi estas kaj pentekostekstaze blua.

El la sveda: *Paul Nytén.*

# NOKTA ĈIELARKO

RICHARD ROHT

Varmega estis la tago. Malofta vetero. Neniam antaŭe mi vidis similan. Nin, nordanojn, allogas la neatingebla sorĉo de l'Sudo, ĝi senĉese krias en nia sango kaj boras nian animon per sopirdeziregо: en la sunon, en la varmegon, — tien, kie centkoloraj floroj brilas sur pompegaj kampoj, tien, kie la arboj estas kvazaŭ dikaj turoj, kie senmezuraj malfermitaj sinoj leviĝas kaj ondadas, kie la aero estas plena je pasia haladzo, kvazaŭ estus ĉie malfermitaj lipoj.

Tien ĝi logas nin, nordanojn.

Kie la suno ardas kaj bruligas kvazaŭ deziregflamo, kie la malhelkoloraj korpoj ensorbas ĝian forton, fekundecon kaj fajron. Kie la birdoj estas kvazaŭ papilioj — ili multkolore brilas — ŝvebadas super la horizonto kaj iliaj voĉoj estas gorĝaj, malklaraj.

Tien ni sopiras.

Tiu norda tago estis io simila.

Forta vento, varma, varmega blovis rekte de sudo.

Kiam estas en nordo varma, varmega vento? Ĉiam estas niaj ventoj malvarmetaj, ĉiam ili forportas ion el nia sango, ebriigante nian animon. Sed tiu vento portis ion en la sangon, portis ion, pro kio la sango iĝis dika kaj kompakta, pezpesa, kvazaŭ ĝi estus fluida metalo. Kaj en la animo ne sentiĝis freŝiga norda sopiro je la nekonato — la animo estis libera kaj ĝojis sen altenleviĝo, ĝojis pro la suno, pro la vento, sentis plezuron de la ĉirkaŭaĵo, ne aspirante la sopirojn.

Mi iris laŭ la helflava landvojo, apud kiu kreskis graciaj delikatstaturaj, sed dikbranĉaj kaj — foliaj salikoj. Kiam la vento ekblovis, ĝi klinigis la salikojn — renversis ilin, kisis ilin, karesis, perfortis. La salikoj sterniĝis sur la tero kvazaŭ arĝentaj vestaĵoj — sed ili denove leviĝis kaj ordadis sin. Sed la vento flugis antaŭen — varmega, fajra, potenca. Ne proksime sur la herbejo kreskis en vico plorsalikoj. Ili ŝanceliĝis kvazaŭ ŝpinaĵoj en la ventekblovo, eĉ la maljunaj kverkoj bruegis apud la fonto, sed ili ne perdis foliojn — tiom forta ne estis la punkolero de la varma vento. Sur la vojo veturis fojnŝarĝo, sur kiu sidis kolorvestita, sunbrunigita knabino. Ŝiaj dentoj brilis pro plezuro kiam la vento alpremis ŝiajn vestojn, karesis ŝian korpon potencblove. Preterveturante min ŝi ĵetis al mi rigardon, en kiu estis stulta voko.

Tia restis en mia memoro tiu tago.

La ĉirpado de la griloj estis surdiga, ili estis tiom multaj, ke la tuta vojbordo plenis je ilia brua kantado. Sirr — sirr — sirr — akraforte, persiste. Sirr — sirr — sirr — kvazaŭ segoj, fajloj, boriloj.

Subite obtuza bruo.

De malproksime, potence, malfaŭtiĝante.

La ventblovo kvazaŭ plivigliĝis, la griloj kvazaŭ intensiĝis. Kvazaŭ oni estus devinta ankoraŭ rapidi, ankoraŭ fari, kio fareblа. Sed sur la ĉielo ne estas eĉ unu nubo, ĝia koloro estas malklareblua, ĝiaj randoj grizetaj.

La malproksima bruo ripetiĝis. Ĉiam pli klare, pli laŭte, pli minace. Ĉia potenco malaperis, ĝi iĝis ĉiutaga kolero. Kaj dum la sunsubiro ekaperis sur la vesperĉielo granda blua birdo, la senmezuraj flugiloj potencpende super la tero, en la brusto kaj en la fajroflamoj.

Subite plimalfortiĝis la ventekblovoj, eksilentiĝis la griloj. Terura kvieto regis sur la tero, — nek sono, nek movo. Ĉiu herbotrunketo staris senmove, ĉiu folieto kuŝis mallevite, klinite. Sed la flugiloj de la granda blua birdo konsumadis la ĉielon, kovris ĝin. Kaj de supre ekaŭdiĝis bruo, senmezura maro ŝajnis tie brueganta, senmezuraj arbaroj tie muĝadis. Ĉiam pli proksimen, ĉiam pli proksimen. Ĝis kiam — ekfalis guto.

Tiam ekestis infero sur la tero.

La plorsalikoj sur la herbejo kraketis kaj rompiĝis, de la kverkoj flugis folioj en sennombraj aroj, la salikoj ekkuŝiĝis al la tero kaj ĉiu herbotrunketo hurlis kvazaŭ malsata lupo. De la helgriza landvojo leviĝis granda polvokolono, ĝi turniĝis super la herbejo, ekkaptis en sian frenezan ĉirkaŭprenon la foliojn, splitojn, ekstermis la lastajn plorsalikojn kaj malaperis en la arbaro.

Varma akvo falegis teren en telerlarĝaj gutoj, kiuj, falinte en la okulon, blindigis. La akvo fluis laŭ la vizaĝo kvazaŭ rivero. La tersurfaco vaporis. La mallumo densiĝis kvazaŭ aŭtune. Ĉio iĝis malhelgriza kvazaŭ cindro.

Tiam ekdisfluis de la malproksimaj unuope starantaj tremoloj, kiuj kreskis sur alta izola montdeklivo, strange delikata, malklara lumo, kiu degelis kvazaŭ lakto en la pluvo. La pluvo ĉiam pli malfortiĝis. Kaj baldaŭ ekbriletis malantaŭ la tremoloj la leviĝanta safranflava luno. La blua pura ĉielo brilis ĉirkaŭ ĝi kvazaŭ kiso. La malgrandaj ludsteletoj ekridetis. Nordo, nordo denove rericevis siajn rajtojn.

Mi iris trafe — netrafe laŭ la kampo. Kristaloj brilis surtere. La arboj estis nigraj kvazaŭ fulgitaj. Kaj ili kaŝe susurigis la branĉojn. Nordo... nordo. La sekreto de l'konturoj enŝoviĝis inter la branĉojn, ĉiaj estaĵoj ekmoviĝis sur la misteraj erikejoj; de malantaŭ la nigraj arboj ekaŭdiĝis mallaŭta ridsonoro, paŝoj, voĉoj. Nordo. De la fonto leviĝis vaporo. Kaj odoroj, odoroj! Ĉu povas ankoraŭ io tiel odori, kiel nokto post tia tago, post tia pluvo? Ĉu povas ankoraŭ io tiel plenigi la animon per senfina sopiro, la pulmon per kristaloj?

Kaj subite mi ekridas: blanka arko estas ĵetita sur la ĉielon. Mi konsterniĝas kaj ekstazas. Blanka ĉielarko estas sur la ĉielo antaŭ mi; sur la kvieta mistera arkaĵo de la norda ĉielo arke etendas sin antaŭe nevidita signo. Min ekregas la sankteco de l'ekzisto. Kion mi ankoraŭ bezonu? Kion mi ankoraŭ atendu? Mia vivo estas bela kaj granda. Tie malproksime brilas la malklara brilega arko. Al ĝi mi rapidas. Sub ĝi mi malaperos. Mi ne mirus, se sur la ĉielo ankoraŭ aperus kruco sub la arko. Kvazaŭ mezepoka ermito mi tiam surgenuiĝus:

Dio mia, dio mia, lasu min eterne resti ĉi tie!

El la estona: *Hilda Dresen.*

# L A V I R I N O

ROZALIO BENDRE

*Sukojn da literoj sur paper' mi plugas;*
*varmaj korsalutoj al virinoj flugas.*

## *Koncepto pri la virino*

Por la homaro la virino estas tio, kion en la naturo ni nomas lumo, odoro, freŝeco; netaksebla granda valoro, signifriĉa senco de la vivo.

Abstrakte esprimite: la virino estas admirinde delikata, fleksebla materio, el kiu artistaj manoj povas krei majstrajon, sed en manoj de fuŝisto amorfiĝas aŭ neniiĝas.

La virino havas pli da inklinoj por belo kaj bono ol por malicaj inklinoj.

Kiu igas la virinon por elmontrado de trivialaj sentoj, tiu duoble pekas; tiu pekas kontraŭ la virino, kiun li hontigas, senigante ŝin de ŝia majesta simpleco kaj pekas kontraŭ si mem, ĉar mistifikante sin li venenas sian propran inklinon al senco, beleco de la vivo kaj blinde kuras al la plena seniluziiĝo.

Tia homo sentas la vivon sencela, senenhava kaj tio estas turmenta puno.

Naskopatrino, edukantino de popoloj estas la virino. Kiel indas okupi lokon en la vasta mondo tiu popolo, kiu forgesas estimi la fonton de sia deveno: — la virinon ?!

## *La virina honesteco*

Ĝena temo. Oni multe parolas pri tio. Por longa pritrakto ĝi ne indas, ĉar iu estas honesta aŭ ne honesta.

Laŭsperte pri honesteco de aliaj tiuj ŝatas babiladi, kiuj volonte silentas pri la sia.

Facile kondutas honesta tiu, kiun neniu instigas je la malo. — La vere honesta virino restas sur la rekta vojo malgraŭ mil allogoj kaj ŝi ne hontas perpiede marŝi, kiam ŝi povus uzi kaleŝon — la kaleŝon de alia.

La honesta virino estas kerno kaj konservanto de ĉiuj belo kaj bono; — ŝi estas dia donaco de sia familio, beno por la socio.

## *La virina beleco*

La homo konsistas el korpo kaj animo. La virina beleco same estas duspeca: korpa kaj anima.

Efemera estas la unua kaj dumviva — la dua. La unua timas la maljuniĝon; la dua neniam aĝiĝas, sed restas ĉiam juna.

La virino, kiu posedas nuran korpan belecon, similas al pupo en la montrofenestro, kiun oni volonte rigardas kaj eble eĉ aĉetas tiu, kies budĝeto permesas tian luksan elspezon, sed post ioma ludo li tuj forgesas pri ŝi, se nova, pli bela pupo proponas sin.

La virino flegu, klopodu konservi sian korpan belecon ĝis fina limo de ebleco, sed ŝi ne neglektu eĉ por momento, ke la realan valoron de ŝia beleco oni taksas, kiam ŝiaj lipoj malfermiĝas je parolo.

La parolo kaj agoj de la virino estas destinitaj por manifesti pri ŝia kaŝita beleco.

## *La amo*

Nuntempe kolorperdinte velkadas la, pro larmoj rosa, pro rideto purpura, miraklofloro de la vivo : — la amo.

Nun la homoj kuras je necertaj celoj kaj ili ne havas tempon por ami. Pro la freneza sinpelado forŝiriĝas el ilia vivo — unu granda valoro. Ili forgesas ami kaj anstataŭe ili lernas — amiĝadi.

Ili mensogas al aliaj, mensogas al si mem. Tiu mensogo estas bruta, altrudita. Tiamaniere oni volas mistifiki sin, ke tio ĉi estas la vivo.

Nur kiam ili restas solaj kun inertaj, detruitaj muskoloj, tiam venas la rekonsciiĝo, ke ĉio, kion ili faris ĝis nun, ne estis io alia — nur sencela perversa sinpelado por la nenio. Nur tiam ili vidas, ke ilia vivo restis senfrukta, dezerta kaj tremigas ilin la penso pri maljuniĝo.

Se la virino denove povus okupi sian destinitan lokon tiam ŝi rekonus sian grandan valoron, ŝi ne estus plu luksavida, pupopova, degenerinta. Ŝi povus instrui la viron je tio, kion jam multaj forgesis el ili: ŝi instruus lin labori por ŝi kaj kune kun ŝi, honeste vivi; ŝi instruus lin — laŭkore sincere ami. Estu benata la virino, kiu restis virino kaj ne aliformiĝis je — *nura ino*. En vera virino ĝermas la triumfanta vivo mem . . .

## *La ekfloriĝanta virina animo*

La knabininfano rapide evoluas en animo. Ŝiaj observemo kaj rimarkoj estas surprizaj jam en la 4a—5a jaroj.

Kiu volas teni en ĝusta direkto la animan evoluon de sia filineto, tiu serioze konsideru ŝin jam en tiu ĉi aĝo, ĉar en la infanaj ludoj kaŝiĝas la estonteco: la antaŭjetita bildo de la vivo kaj destino.

La malbonajn inklinojn, — sin anoncantajn kelkloke nur malofte, aliloke abunde — kun kompetente fortaj manoj devas sarki ĉar kiu prokrastas fari tion en tiu ĉi aĝo, post jaroj jam malfruis. La knabino, atinginta sian dekan jaron, estas nur duone infano, dum la knabo multfoje estas fleksebla ankoraŭ en sia deksesa jaro.

La malbona ekzemplo kaj pretereco kaŭzas en la knabinamino grandan detruon, kies konsekvencoj ne estas antaŭvideblaj. Se neniu estas, kiu serioze povus okupiĝi pri ŝi, tiam pli prudente lasi ŝin sola. Ŝiaj bagatelaj amuzoj, ludoj, zorge elektitaj libroj servos je ŝia bono.

Kiu nerimarkite atentas knabineton ludantan kun ŝia pupeto, tiu vidas kaj ĝuas pli ol kiom li imagi povas. Sed des pli, kiam ŝi komencas kompreni la iegitajn fabelojn kaj klarigas ilin laŭ sia percepto. Plezuro estas aŭdi tion !

Kiel ŝi babiladas pri siaj amikinetoj, pri iliaj fratoj kaj gepatroj! — Precipe ĉe tiu punkto oni devas protekti ŝin, ke ŝiaj prijuĝoj estu bondirektaj.

Ĉiu vorto, ĉiu movo bezonas ĝustan klarigon, bonvolan motivadon ĉe la eta knabino, kiu en si jam estas multfoje serioza kritikanto pri la — plenaĝuloj.

## *La patrino*

Inter la virinoj staras sur la unua loko — la patrino, kiu edukas en siaj gefiloj la estontan generacion.

Kiam la patrino donas vivon al sia infano, post mildiĝo de la suferoj ŝia unua demando : ĉu knabo aŭ knabino estas la novnaskito ?

Kiam ŝi eksciaş, ke „knabino", ŝi revmeditas. Malgaja rideto aperas ĉe ŝiaj lipoj. Knabino . . . Dum momentoj reaperas antaŭ ŝi sia tuta vivo kaj la ĵus travivita vea sufero . . . Kompate ŝi rigardas la etulinon . . .

Kiam unuafoje ŝi gustumigas al la novveninto la dolĉecon de la patrina lakto, ŝi sentas, ke ŝia ĉirkaŭpreno tenas — alian virinon, kiu ĵus ekiris al sia malcerta vivovojo, sur kiu atendas ankaŭ ŝin la sankta devo, donita de la Ĉiopova al la virino : la *patrineco*.

La patrino vidas kaj amas sin mem en la filino. Kiel ŝi vartas, flegas ŝin ! Dio, kiel ŝi dezirus vidi la daŭrigon, renoviĝon de sia vivo, tiun alian virinon — *feliĉa*.

Al la koro de la patrino estas ĉiam pli proksima la filino ol la filo. Tiu ĉi fenomeno estas atribuebla al ŝia delikata instinkto, per kiu ŝi rapidas protekti la knabinon, en la vivo tre malfacile prosperkapablan.

La patrino fanatike amas ankaŭ la filon, sed en tiu ĉi amo jam evidentiĝas la fido pri energio de la knabo, kiun atendas en la vivo pli da eblecoj por prosperi.

La animo de knabo estas pli simpla, pli facile elkonebla, ol tiu de knabino, kies sentemeco reagas je ĉiu impreso, influo. En la viro estas kaj eblas esti memstareco, jam pro la naturdonitaj rajtoj, dum la virino havas nur tre malofte tion en esceptaj okazoj, ne tial — laŭ onidira aserto, ĉar la socia kutimo senigis ŝin de tio, sed ĉar laŭ la korpa kaj anima strukturoj ŝi ne kapablas por tio.

Ĉion ĉi scias eĉ la plej malklera patrino. Ŝia instinkto kvazaŭ konjektigas tion al ŝi kaj ŝi ĝuste konsideras sian devon en ĉiu okazo, ĉar la vivo ne estas teorio, sed praktiko. *Eterna granda konstanteco.*

Se iu sperta karakterkonanto ne bedaŭrus la penon

por finesplori la patrinojn de du geedziĝontoj, la ĝusta ekkono pri la patrinoj — kun certa logika viciĝo de la motivoj — antaŭmontrus al tiu la estontan vivomanieron de la juna paro.

Profunde ekkoni la patrinon estas eble nur en sia hejmo, kiam en la familia rondo neĝenite ŝi vivas sian individuan vivon.

La pompe vestitaj, „ĉarmaj" patrinetoj jam riĉigis per multaj perfiditaj edzoj kaj edzinoj la nombron de seniluziiĝintoj.

— — — — — — — — —

En stranga epoko ni vivas hodiaŭ. La mondmilito postulis teruran amason da virovivoj. Jam antaŭ ol tio ĉi okazis, la virinoj proporcie estis pli multaj ol la viroj. Nun tiu ĉi senproporcieco estas tre frapanta.

Malmultnombre estas la viroj, kaj multnobre la virinoj. Kaj kion ni vidas? Antaŭ la observanto malkovriĝas strangaj, ŝajne komike ridindaj, sed reale tre konsiderinde afliktaj scenoj.

La gejunularo sentas sian rajton por belecoj de la vivo kaj tamen ili staras hezitante antaŭ ĝi aŭ stumblante ĉiumomente perdas vojon kaj estas dolore vidi ilian baraktadon. Neniu ekzistas, kiu kun amema zorgo ebenigus la vojon. La floroj velkas kaj dum burĝoniĝo rompiĝas la fruktodonaj arboj.

Spontanee venas la demando: kie estas iliaj patrinoj? Kien malaperis la laboremaj, simplaj, orkoraj patrinetoj, kies sankta destino: instrui la gefilojn pri ĉiu belo, pri ĉiu bono; esti apud ili en ĝojo kaj malĝojo kaj kun amanta koro, kun fortaj manoj gvidi ilin sur la rekta vojo. Kie ili estas?

La plimulto de la patrinoj fariĝis viktimo de monstra eraro. En farsaj kostumoj vestite ili demonstracias sur la strato. Ilia apero, ĉiu movo frivole proklamas al la mondo, ke ili, la patrinoj de familiaj fajrujoj, fine lernis *„vivi"*... Ili lernis esti junaj tiam, kiam iliaj gefiloj jam sentas sin lacaj kaj avoaĝaj.

Kio okazus tiam, se ŝiaj gefiloj rekonsciiĝus, kaj ili rekonus la ridindan malbelon ĉe sia patrino? — demandas la atenta observanto. — Kio okazus tiam, se ili irus al ŝi por depreni tiun maskon, ne decan al ŝi? Kio okazus, se la plenaĝa filo konfidencie komunikus al ŝi, ke lia amiko, kiu hieraŭ vidis ŝin, de tiu ĉi vido lernis malrespekti, priridi la virinon kaj decidis neniam edziĝi?... Kio okazus tiam?

Mi kredas, ke pro tia sincera, bela parolo ekmoviĝus la patrinkoroj. Ili redonus al siaj gefiloj — la *veran patrinon*, kiun tiuj neniam bezonis pli ol nun.

Kiel povas timi la patrino, kiu donis vivon al karaj belaj infanoj, — la maljuniĝon? Poezio estas en la maljuniĝo. Mirinda poezio de la velkanta aŭtuno, kiun poste kovros la mirakla neĝvualo de eterne junaj rememoroj.

### *La edzino*

Tiu ĉi vorto „edzino" signifas la veran destinon de la virino. Feliĉa estas tiu virino, estu ŝia sorto kiel ajn malfacila, kiu sincerkore povas aserti pri si, ke ŝi estas vera komprenema edzino.

Ŝajne ne multe da rajtoj kaj multe da devoj kaŝiĝas sub tiu ĉi vorto. Tiu *ŝajno* erarigas multajn virinojn, kiujn ĝi instigas, ke eksterfamilie, en la vasta mondo ŝi serĉu siajn neekzistantajn rajtojn; ke ŝi vivu por aliaj, por la ŝajno.

Hejme, dum plenumado de siaj devoj kelkfoje la virino povas veki en si kaj en ŝiaj proksimuloj tiom altvalorajn, ne ĉiutagajn sentojn pro kies foresto neniel povus ŝin rekompenci la ŝajno kaj ekstera vivado. La milito mil kaj mil ekzemplojn produktis por tio. Kio atendis tiun edzinon, kiu konscience plenuminte la devojn povis akcepti la revenintan edzon? *Kontenteco, amo, fido pri la estonto.* Je pli ol ĉi tiuj edzino ne povas aspiri.

Estu la edzino nur „bona" virino kaj ne estu laŭdita de multaj per „saĝa virineto". Car kion signifas la „saĝa virino"? Neniam kvitigeblan grandan ŝuldon de la vivo.

### *La maljuna fraŭlino*

Inter la virinoj indas je la unua loko — la patrino. Sed la virina sekso havas ankoraŭ alian rimarkindan personiganton. La martiro de la virina sekso estas ŝi: la maljuna fraŭlino.

Se la maljuna fraŭlino troorrnamas sin, neas sian aĝon, fanfaronas pri amaso de iamaj aŭ neniamaj svatintoj, pro tio ne trafu ŝin — moko.

Se ariĝinte ili laŭte kriadas: „Rajton al la virinoj!" — ni lasu ŝin furiozi pro la amasiĝintaj amaraj sentoj. Tiu ĉi vana trepenado eluzas ja ŝiajn ĉiujn fortojn.

Hejme ŝi konfesas ja al si, ke per tiuj imagitaj rajtoj ŝi povus komenci nenion, ĉar ŝia sekreta sopiro, ŝia instinkto aspiras je tute aliaj rajtoj, kiuj estis donitaj al ŝi jam ĉe la naskiĝo, sed intertempe iel ili forglitis el ŝiaj manoj aŭ ŝi mem troriskante malgajnis ilin.

Se oni mokas, ignoras aŭ ne konsideras ŝin serioza, tiam ŝi fariĝos hommalamanto, retiras sin kaj perdas sian virinecon. — La maljuna fraŭlino havas ja varme senteman koron.

Ni rigardu, kiel avide ŝi kisadas la malgrandajn gefilojn de sia frato aŭ fratino. Tiam ŝi sentas, ke ŝi havas rajtojn...

Se ŝi havas katon, birdon, hundeton, kiel ŝi ludas kun ili! Por tiuj ŝi malavare donas sian tutan amon.

Kiu edziniĝas kun maljuna fraŭlino, tiu multokaze bonŝance elektis. Li ricevis imitindan edzinon, ĉar la maljuna fraŭlino, antaŭ kiu la pordego de vivobeloj estis fermita, povas laŭvalore taksi ilin, kiam la pordego malfermiĝis.

Ŝia maljuna aspekto kaŝas junan, amantan koron, zorgan atentemon, kiuj estas veraj trezoroj — por la viro.

Ni estimu la maljunajn fraŭlinojn, estu ni komplezaj al ili, kaj indulgemaj pri iliaj kapricoj, ĉar al la maljuna fraŭlino ni ĉiuj estas — ŝuldantoj.

### *La vidvino*

La situacio de vidvino estas la plej dolora. Estu ŝi malgaje funebranta vidvino aŭ estu — tiel nomata „gaja vidvino", ŝi estu riĉa aŭ malriĉa, bela aŭ malbela, klera aŭ trolimigita, ĉiuokaze ŝi meritas kompaton.

Ĉar kio, respektive kiu estas la vidvino, perdinta en sia edzo defendanton, ŝirmon, enhavon de sia vivo aŭ tiu vidvino, staranta ĉe tombo de sia tirano, vivdetruanto kaj eĉ larmi ne povanta? — Virino, kiu restis sola.

Kion signifas resti sola, tion scias nur vidvino, kiu serĉante kvietiĝon reiras tien, kie antaŭ nelonge staris — katafalko...

### *La bopatrino*

Malfacile esti bopatrino! En la ĉiutaga vivo la bopatrino plenumas tiun rolon, kiun en la politiko — la diplomato.

Kiom multe da miskomprenoj, konfliktoj okazigis jam la malbona bopatrino kaj kiom da malkontentoj forigis la bona!

Se la bopatrino provus senpartie prijuĝi la vivon de la juna paro kaj ne ĉiam pravigus sian infanon, sed konsiderus ankaŭ la infanon de la alia bopatrino kaj se ŝi ne tuj ĉirkaŭprenus sian filinon, kurantan hejmen kun mil plendoj, sed travidante tra la larmovualo ŝi serĉus la veran kaŭzon de la malpaciĝo, per milda patrina prudento finesplorus la aferon, tiam — estus ne tiom oftaj la — eksedziĝaj procesoj.

La patrinoj devas instrui al siaj filinoj, ke la vivo estas ja tia, kia ĝi estas... Do ankaŭ la sinjoron edzon tiel oni devas konsideri, kia li estas kaj la edzo estas ja delikata afero, li tute ne meritas tion, ke iu kuraĝu ignori aŭ neglekti lin.

Kiu ne estimas sian edzon, tiu estu preta, ke iun tagon ŝi restos sola kun — sia patrino. Sed la larmojn de la virino, sopiranta je sia edzo, eĉ la plej artifike rafinita bopatrino de la mondo ne povas forviŝi. Estu ĉiu bopatrino — bona diplomato.

### *Epilogo*

Kompatinde aspektas la pozanta virino, kiu lasante malvarmiĝi la hejman fajrujon kriadas tondrajn vortojn en la granda — *nenio*.

La simpla, vera virino estas animo de sia familio, kiu defendas ŝian dignon kontraŭ la danĝeroj.

Ŝia voĉo estas neafektita, ŝiaj agoj estas senbruaj. Al ŝi apartenas la estinto kaj en siaj manoj ŝi tenas la estanton kaj estonton.

# ANTAŬ LA VIRGULINO

LUIS GIMÉNEC URRUTIA

Consuelillo (pron. Konsuelijo, karesnomo de Consolación) estis la plej beleta kaj ĝentila junulino de la tuta kvartalo.

Ŝi havis korpon balanciĝantan kaj admiregindan, laŭ-ŭiine modelitan. Ŝia vizaĝo bruneta kaj esprimplena ŝajnis penikverko de l'granda Romero de Torres*). Ŝi posedis belajn okulojn, brilajn kaj migdalformajn kaj ombritajn gracie per la malhelbluo de ĉirkaŭokulaj ringaĵoj. Kaj ŝia buŝo malgrandeta kun tre ruĝaj lipoj kaj blankegaj dentoj similis al belega kaj alloga dianto; ĉio beleco kaj plensukeco.

Tiom da simpatioj ĝuis la knabino inter la simplaj, humilaj homoj de tiu pentrinda kaj purstila angulo de la urbo andaluza, ke ĉiuj ŝin admiris kaj amis tutkore, ĉar per siaj ĉarmo kaj boneco ŝi sciis ekakiri ĉies inklinon, kiu kun ŝi interrilatis.

Nature, la junviroj plej memfidaj kaj bonstaturaj de l' kvartalo iradis, por „trinki la aeron" post Konsuelijo, la bela etulino, kiu havis la talenton igi „frenezperdita" la viron, kiu ŝin rigardis nur unu solan fojon. Kiom eminenta estis tiu Konsuelijo! Dio mia, kia katedrala virino!

Sed ŝi ne decidis sin por iu el ŝiaj amindumantoj. Kaj kiam la amikinoj ŝin demandis pro la kaŭzo, kial ŝi ne „aligis al si fianĉon", Konsuelijo respondis kun multa gracieco kaj petolemo:

— Fianĉon mi? Nu, nu, „filinoj, vi ne tute prudentas! Kial mi bezonus tian malhelpaĵon? Kiel kaprompilo **) ja sufiĉas al mi la bastono de mia patro! Ea ***) jam mi diris ke mi eĉ vidi tiajn ne volas! —

Tamen, malgraŭ ĉi tiuj paroloj de la knabino, iunokte iu vidis viron ĉe la fenestro de Konsuelijo, kaj tiu eltrovo efikis grandegan sensacion en la tuta kvartalo. Kaj ekestis komentoj ĉiaklasaj kaj ĉiagustaj.

Konsuelijo kun fianĉo! Kiu estas la feliĉulo? Ĉu li amas ŝin vere aŭ nur pro tempopasigo?

Ĉu ili geedziĝos aŭ ne geedziĝos?

Sekvintatage la beleta infanino sin vidis sieĝata de la demandoj kaj ŝercoj amikinaj.

— Bondeziron, Konsuelijo, — diris unu,

— Nu, infanino, jam vi estas „establita"! — elvokis alia.

— Aŭskultu, koketa, kiu estas li, kiu „ekmovis vian tintilon" (plaĉis al vi)? — demandis tria.

— Tion, tion... ŝi diru tion! — petpostulis ĥore la ceteraj.

Kaj antaŭ tiom da atento kaj interesiĝo Konsuelijo parolis, tamen envolvante siajn vortojn per ia seriozeco ne kutima al ŝi, kio rezultigis grandan miron en la grupo de knabinoj ŝin ĉirkaŭantaj.

— Vi ne konas lin, vi. Li estas junulo tre bela, tre bonkonduta kaj tre bone vestita, kiu min tre amas. Li estas sinjoro el super nia nivelo, kiu ĵuris al mi, ke sen mia personeto li ne povus vivi. Kaj mi ekkompreninte tuj lian amon, sentis penetri al mia animo liajn vortojn bonajn kaj dolĉajn, kaj mi diris al li la jes'on el tuta koro. Ĉu mi agis malbone? —

La frazoj de la knabino efektis kiel bombo. Kian senprudentaĵon faris Konsuelijo! Elekti kiel fianĉon iun grandsinjoron! Kion do pensis la infanino?

Julita (Ĥulita), knabino kun multa gracieco, estis komisiata paroli pri afero sufiĉe malagrabla al Konsuelijo.

— Vere al vi turniĝis iom la kapo, virineto — ŝi diris al ŝi. — Vi kredas, ke tiu edziniĝos vin? Eĉ ne pensu tion, malsaĝulineto! Krome... ĉu vi ne memoras pri Rafaelo, filo de l' buĉisto, kiun vi tiom ofte rifuzis? Atentu bone pri li, ĉar vi ja konas lian ĵuron antaŭ ĉiuj: „En la tago kiam mi ekscias, ke Konsuelijo havas fianĉon, en tiu tago malsekiĝos mia tranĉilo, Tio validu!"

— Kaj al mi, kion koncernas tiu Rafaelo? — respondis malestime la junulineto. — Li estas fanfaronulo kaj malkuraĝulo ne havanta riskemon, eĉ diri nur „pepeton" al mia Alvaro, kiu estas la plej kuraĝema kaj bona de la tero. Mi ne mensogas, knabinoj: Alvaro sciis konkeri mian koron, kaj min „frenezigis".

— Dio volu, ke nenio okazu — ekkriis Julita. — Rafaelo estas vantulo kaj...

— Ea, lasu ni nun malgajaĵojn! — kriis multaj knabinoj. — Ni iru al danco, kiun aranĝas hodiaŭ nokte la kringisto por festi, ke lia edzino havas trinaskitojn. Kaj vi ankaŭ venos, Konsuelijo! —

— Ne, mi ne povas. Mi atendas mian fianĉon, kaj ne povas esti. Por mi finiĝis jam ĉiuj festoj kaj amuzoj. Por mi jam ne ekzistas pli ol unu afero en la mondo: Alvaro!

Estis Sankta Vendredo. La tipaj kvartalstratoj estis superŝutitaj de granda homamaso. Preterpasis la procesioj. La korsentitaj „saltas" (preĝkantetoj) intermiksiĝis kun la unutona tambur-rulado, kunformante koncerton mistikan kaj malĝojigan. Odoris je floroj, je juneco...

Ĉie oni enspiris religian fervoron, kaj ĉiuj vizaĝoj dolĉe moviĝis murmurante preĝojn.

Alvaro kaj Konsuelijo sidantaj ĉe la dompordo de la knabino anime babilis, dezirante sin engluti reciproke per la okuloj. Feliĉaj ili estis! Kiom ne antaŭsentis ili tion, kio estis okazonta post kelkaj momentoj!

La Virgulino de l' kvartalo, la figuro adorata en la tuta urbo, haltis antaŭ la du enamiĝintoj! Alvaro formetis respektplene la ĉapelon kaj Konsuelijo krucsignis sin favore.

Subite, voĉo malvarma kaj malagrabla diris al la orelo de la knabino:

— Konsuelijo, vi devas nun tuj kanti „salta" n!

Timigite ŝi ne povis subpremi ekkrieton de teruro. Rafaelo, la junulo tiom ofte rifuzita de Konsuelijo trovigis antaŭ ŝi, kun minaca kaj venĝema gesto.

— Kio estas al vi, infanjo? — demandis Alvaro sian fianĉinon.

Ŝi silentis timema kaj senkuraĝa. Ion tragikan ŝi antaŭsentis, ion teruran...

— Nenio estas al ŝi — parolis furioze Rafaelo sin turnante el Alvaro. — Nur, ĉar mi kapricas ke via... fianĉino kantu salta'n. Mi supozas ke vi ne kontraŭdiros, kaj se eble jes, tamen ŝi kantos ĝin spite. Ĉi tie ordonas mi, kaj ĉu Konsuelijo havas fianĉon aŭ ne, ŝi devas fari ĉiuokaze, kion ajn mi volas. —

— Mi petas, moderu vin iom, ĉu vi komprenas? — rediris nervekscitite Alvaro. — Ĉe neniu mi toleras tiajn arogaĵojn nek ke oni devigu al io mian fianĉinon. Konsuelijo ne kantos, ĉar ŝi ne volas. Ĉu vi bone aŭskultis?

— Tion ni ja vidos, sinjoreto dando...

Alvaro faris superhoman fortostreĉon por reteni sin; Konsuelijo sin ĵetis en la brakojn de sia fianĉo petegante ke li kvietiĝu.

— Pro la respekto kiun meritas ĉi tiu figuro, kiun ni antaŭ ni vidas — ekkriis Alvaro — mi petas vin prokrasti la aferon ĝis pli poste. Ni intervidiĝos en loko, kie neniu troviĝas, en loko, kie vi povos min insulti kun pli da libereco ol ĉi tie...

*) Fama nuntempa pentristo el Cordoba.

**) dusenca: ludilo kaj fumilo.

***) interjekcio: nu, nu bone (por fini diskuton).

— Ne, ĝis pli poste ne, — muĝis ekster si Rafaelo. Nun tuj, malkuraĝulo...

Neniu povis ĝin eviti. Rafaelo kun la tranĉilo en mano sin ĵetis sin Alvaron. Kelkaj sekundoj de terura lukto kaj ekkrio timegiga sufokiĝis en la gorĝo de nun el la interbatantoj. Alvaro estis mortiginta Rafaelon.

La konfuziĝo estis grandega. La homoj ĉirkaŭgrupiĝis, gardistoj alkuris...

Alvaro kaj Konsuelijo unuigitaj per kortuŝa ĉirkaŭpreno de amo kaj doloro, falis surgenuen antaŭ la Virgulino.

Kaj la knabino levante al la bildstatuo siajn belajn okulojn malklariĝintajn pro amara ploro, parolis kun dolĉeco kaj rezigno:

— Virgulinjo mia. Virgulinjo bona! Pardonu al mia Alvaro, ĉar li ne estas kulpa pri tio. Estis mi, tial ke mi amas lin tiom! Estis mia amego, Patrino de la animo!

El la kastila (andaluza dialekto) *Jose Berger*

# OBSERVO

## MIĤAELO SÁROSSY

Lia nomo jam estas bone konata en nia movado. Multaj ĝuis lian arton, admiris lian silke karesan voĉon dum kongresoj en Budapest, Nürnberg, Genève. Malnovaj abonantoj de *L. M.* ĝoje memoras pri liaj valoraj komponaĵoj, aperintaj en la unuaj jarkolektoj.



En fora profundo de Siberio li konatiĝis kun Esperanto kaj tuj fariĝis fervora adepto de la ideo. Lian belaman animon inspiris ankaŭ la poezio de la lingvo kaj li donis jam multajn originalaĵojn al nia muzikliteraturo. Lia komponista talento per ĉarmaj, esprimriĉaj melodioj interpretis la pervorte nenuanceblajn akordojn de la Esperanta Liro. Estas poemoj, kiujn popularigis lia arto, tiel altŝatata ankaŭ ĉe la ne esperantista publiko.

La redaktaro ĝoje plenumas la deziron de multaj publikante lian lastan komponaĵon *„Kantantaj. postenoj"*, kiun kun granda sukceso li mem prezentis unuafoje en Genève, okaze de la teatra vespero. Espereble dum tiu ĉi jaro ni povos aperigi ankoraŭ kelkajn el liaj verkoj.

*F. A.*

## E. T. A. HOFFMANN.

Li estis artisto en la plej vera senco de la vorto: poeto komponisto, orkestrestro, pentristo, reĝisoro kaj modela juristo en unu persono. Lia fantazia kaj sprita animo respegulas grandajn emociojn, sed kiel ŝaŭmo sur la ondoj: klariĝas el liaj vortoj kaj agoj fundamentaj pensoj puraj kaj altaj.

Romantikaj oni nomas liajn verkojn: romanojn kaj novelojn demone mistikajn kaj problemajn. Kaj vere, se ni legas ilin, ni sentas nin mirinde tuŝitaj. Ĉar en la profundo de la animo kuŝas dormanta mondo, plena de absurdaĵoj kaj misteroj. Kaj li, la potenca sorĉisto — kvazaŭ granda imperiestro en tiu ĉi sonĝlando — vekas ĝin per ununura svingo de sia sorĉilo: lia arto. Tiun strangan mondon ni trovas ne nur en liaj verkoj, ankaŭ lia vivo estis mirinda fabelo.

Naskiĝinte en la jaro 1776. en patriciofamilio, li baldaŭ ekkonis la mizerojn de l' vivo, vivante for de siaj gepatroj en la domo de sia avo. Li fariĝis juristo kaj poste ŝtatoficisto. Post nelonge li vivas jam en ekzilo, en malgranda pola urbeto, pro ŝerco kontraŭ siaj estroj. Poste oni sendas lin en Varsovion, kie li fariĝas la centro de la spirita, precipe muzika vivo. La malamiko, la franca armeo forpelas lin de ĉi tie. Li fariĝas muzikdirektoro en Bamberg kaj poste en Dresden; sed lia feliĉo ne daŭras longe, li perdas sian oficon kaj vojaĝas el Berlin, kie li, per helpo de sia plej bona amiko T. G. Hippel, ricevas la oficon de kriminalkonsilanto. Nun lia vivo estas certigita. Li plenumas siajn devojn modele kaj estas la plej justa juristo en Berlin. Sed dum la nokto ekflamas lia demona spirito en la drinkejo de Lutter & Wegener, kaj hejmenirante li verkas tiujn rakontojn, kiuj faris lin fama. Per ili li fariĝas la granda kaj fama verkisto.

Lia arta pricipo estas la kunligo de la supernaturaj fenomenoj kaj la realeco, la sorĉo, demoneco, fantazio kaj ĉiutaga kaj filistreco.

En la mondo de sorĉo, mallumo, timego — li estas hejme. Li vidas la noktan flankon de la vivo, sed samtempe li estas bonega vidanto de la faktoj. La plej fantazian sorĉromanon superas la vivo — jen lia opinio. Li vidas fruktvendistinon sur la strato — kaj verkas fabelon pri la „ora poto". Li vidas malnovan, kadukan domon — kaj gvidas nin en la mezon de la mezepoka gildvivo.

Sin mem li volas simboli en sia plej ŝatata verko „Vivopinioj de la katfraŭlo Murr" en la persono de la orkestrestro Kreisler — la plej speciala kaj plej mistera inter siaj naskaĵoj.

En sia plej konata verko „La eliksiroj de la diablo" li montras la lukton de persono kontraŭ si mem, de homo kun duobla animo.

La moralo de liaj verkoj estas plej pura. Li provis montri al ni la vojon al la senkarneco kaj senkulpeco.

Certe, ke li estas la plej granda rakontotalento de sia nacio kaj de sia epoko.

Antaŭ nelonge pasis lia 150-a naskiĝtago. Tamen liaj verkoj estas freŝaj kaj vivoplenaj. Ili restos ĉiam la konsolantoj de homoj, kiuj estas malkontentaj kaj malfeliĉaj en tiu ĉi mondo.

*Ludoviko Lesmann.*

# DANIEL EYQUEM

La morto estas ĉiam kruela.

La morto estas ofte blinda.

Kiam en siaj glaciaj brakoj ĝi forportas homon kiu laca jam retiriĝis de la batalo, ni rezigne kliniĝas, sed kiam per avida brakumo ĝi rabas el nia mezo viron plena je utila aktiveco, je vivantaj esperoj, ni kvazaŭ ribele staras kontraŭ la superhoma fakto.

Daniel Eyquem mortis en la nokto de la 26 a al la 27 a de januaro post mallonga malsano. Kvankam pli ol 72 jara li konservis ĝis la fino la plej karakterizajn mensajn ecojn de junulo: sanan optimismon, nevenkeblan entuziasmon, senlacan agemon.

Li estis Honora Konsilanto ĉe la Apelacia Kortumo en Parizo, Kavaliro de la Honora Legio, Prezidanto de la Societo Franca por Propagando de Esperanto kaj Estrara Membro de multaj aliaj societoj. Sed lia plej glora titolo restos: Li estis bona homo.

Bona homo, kiun oni trovis en ĉiuj homamaj entreprenoj, ĉefe en la du ĝemelaj movadoj „Pacifismo" kaj „Esperantismo".

Bona homo, kiu senhezite riskis sian vivon, kiam subita ondego jam estis forŝirinta mallertan banananton. Kun streĉo de ĉiuj fortoj kaj post longaj klopodoj Daniel Eyquem, kiu estis majstra naĝanto, reprenis de la furioza maro ĝian viktimon.

Dum siaj liberaj horoj li volonte serĉis la societon de la muzoj. Li estis investo de originala kaj tre interesa muziknota sistemo, kiu ebligis tujan legadon. Krom tio li ankaŭ multe laboris sur la Esperanta literatura kampo. Depost septembro 1912 a li estis redaktoro de la rubriko „Internacia Vivo" en la bonega „Revuo", kaj la legantoj de L. M. certe rimarkis liajn tradukojn el Musset. — Originale li verkis la burleskan duaktajon „La Hundo parolanta" kaj la viglan komikan opereton „La Ramolidoj" kies muzikan parton aranĝis barono F. de Ménil. — Ambaŭ teatraĵetoj estis kun bona sukceso luditaj ĉe la Verda Kato.

Kun Daniel Eyquem la Esperantistaro perdis eminentan kaj multvaloran batalanton, kaj ĉiuj, kiuj konis lin persone, karan amikon.

*R. S.*

*La titolpaĝo estas linotipo de nia artisto Paŭlo Varsányi.*

RAYMOND SCHWARTZ: VERDKATA TESTAMENTO

*121 paĝoj. Prezo (inkluzive afranko) 10 fr. frankoj, 2 sv. frankoj, aŭ egalvaloro. Centra Esperantista Librejo, 51, rue de Clichy, Paris IX. — Esperantista Presejo, J. Solsona, 9, rue Ballé, Paris, 1926.*

Iu frapetas ĉe la pordo. Surprize mi vidas, ke vireto, rajdanta sur lerneja terglobo, elegante ruliĝas en la ĉambron. Vidante lin, jam rideto aperas ĉe la lipoj. Stranga hometo kun laŭmode tonditaj lipharoj, laŭmode maldensa harornamo sur la terglobgranda kapo kaj laŭmoda nazumo sur la pinta nazeto. Li hejmece lokigas sin al mia skribotablo. Komence mi pensas, ke li hazarde venis al mi kaj tiu ĉi vizito koncernas ne min, sed la faman psiĥiatron en mia najbareco, ĉar tiu kutimas kuraci similaspektajn pacientojn. Mia gasto, kvazaŭ divenante la pensojn, laŭte, iom moke ekridas pri mi kaj pri miaj konsternitaj geamikoj, kiuj estas frapitaj de la neatendita vizito. Li ne embarasiĝas, sed alparolas nin: „... kaj nun bonvolu aŭskulti..." Mi ne scias kial, sed senprokaste mia atento turnas sin al li. Post la unuaj vortoj la ĝojo pri rekono regas min kaj mi aklame salutas lin, mian spritan amikon, la psiĥiatron, kiu bonvolis viziti min, la pacienton. Li ĉirkaŭrigardas, ne plaĉas al li la griza unutono de la ĉambro, nek la polvokovritaj fenestrokurtenoj barantaj la vojon de la sunlumo. Li ne estas kontenta pri la palaj vangoj, zorgplugitaj fruntoj de la ĉeestantoj. Li komencas paroli, ŝerci, doni konsilojn, rakonti bagatelaĵojn, iom sarkasme aludi je niaj vundeblaj flankoj, sed mirinde, dum tiu ĉi neatendita vizito iom post iom lacaj, nigraj papilioj flugas for el la ĉambro; tra la kurtenoj ŝtelas sin petolaj sunradioj, la sulkoj glatiĝas sur la fruntoj kaj mi vidas, ke la vireto mirakle plenkreskas, fariĝas suverena, estras min kaj ĉiujn, kiuj aŭskultas lin. Lin aŭdante ni forgesas la tagajn zorgojn kaj volonte cedas al lia *Gaja Muzo* kiu tiklas nin je rido, ridego. Stranga psiĥiatro estas Raymond Schwartz, kiu per sia plumlanco ofte dorne karesas, sed ne por ofendi, nur por vipeti la inertajn nervojn. Li estas bona psiĥiatro, ĉar li alportas bonhumoron, konsolan ridon kaj tute ne gravas por li, ke la pacientoj estas aŭ ne estas dankemaj. Ne gravas la opinio de la klaĉulino, „ke la aŭtoro estas..."; ne gravas la severa kritiko de prudaj okulturnantoj; ne gravas la recenzo de plenblovita redaktoro, ĉar ĉiuj senescepte en si mem estas devigataj rekoni la talenton, la lertecon de la psiĥiatro, kiu donas en la buŝon de „normalulo" konsilon kaj per tio eĉ kritikon pri sia verko: *„Gaudeamus igitur."*

Mi estas konvinkita pri la certa sukceso, kiu ebligos la baldaŭan duan eldonon, ĉar la trafaj vortludoj, bonegaj rimoj, spritaj rakontetoj ne povas forsoni sen efiko. Ni ne devas rekomendi la libron, ĉar ĝi ne bezonas tion, havanta aŭtoron, kies nomo jam anticipis la aperon de lia verko. *Jobo.*

BUKEDO

*kolekto de literaturaĵoj originalaj kaj tradukitaj de diversnaciaj aŭtoroj. Reviziita de Zanoni. II.-a volumo. T. & H. Jung, Horrem bei Köln, Germanujo. 1923. 78 paĝoj. Prezo nemontrita.*

La dua kolekto estas same altnivela kiel la unua. Dank'al la eminenta stilisto Zanoni ĝi havas ĝenerale bonan impreson. Lia delikata gusto efike prezentas veran „bukedon" al la legantoj. En tiu-ĉi *„Bukedo"* proponas sin la plej malsamspecaj floroj kun pompa diverskoloreco. Ĉiu literaturaĵo laŭdas sian aŭtoron aŭ sian tradukinton. El la originaloj aparte estas menciindaj: la profundsenca ĉarma noveleto de Teo Jung „Du pinarboj", la frapante freŝa „Du deziroj" de N. Hohlov. En la noveleto „Kiam la luno brilas" Curt Balasus montras sian evoluantan talenton. Estas agrable legi la satirajn leterojn de E. Hevesi kaj la tragedifinan skizon „Paŝao Hasano" de St. Zivanovic. La stiloj estas korektaj, individue distingeblaj kaj ni juĝas la libron tre taŭga eĉ por komencantoj, kiuj trovos en ĝi imitindajn frazkonstruojn. Vere, la serio estas daŭriginda. *F. A.*

Globus presartinstituto A. S., Budapest. Direktoro de presejo: M. Havas

RAYMOND SCHWARTZ: VERDKATA TESTAMENTO

*121 paĝoj. Prezo (inkluzive afranko) 10 fr. frankoj, 2 sv. frankoj, aŭ egalvaloro. Centra Esperantista Librejo, 51, rue de Clichy, Paris IX. — Esperantista Presejo, J. Solsona, 9, rue Ballé, Paris, 1926.*

Iu frapetas ĉe la pordo. Surprize mi vidas, ke vireto, rajdanta sur lerneja terglobo, elegante ruliĝas en la ĉambron. Vidante lin, jam rideto aperas ĉe la lipoj. Stranga hometo kun laŭmode tonditaj lipharoj, laŭmode maldensa harornamo sur la terglobgranda kapo kaj laŭmoda nazumo sur la pinta nazeto. Li hejmece lokiĝas sin al mia skribotablo. Komence mi pensas, ke li hazarde venis al mi kaj tiu ĉi vizito koncernas ne min, sed la faman psiĥiatron en mia najbareco, ĉar tiu kutimas kuraci similaspektajn pacientojn. Mia gasto, kvazaŭ divenante la pensojn, laŭte, iom moke ekridas pri mi kaj pri miaj konsternitaj geamikoj, kiuj estas frapitaj de la neatendita vizito. Li ne embarasiĝas, sed alparolas nin: „... kaj nun bonvolu aŭskulti..." Mi ne scias kial, sed senprokaste mia atento turnas sin al li. Post la unuaj vortoj la ĝojo pri rekono regas min kaj mi aklame salutas lin, mian spritan amikon, la psiĥiatron, kiu bonvolis viziti min, la pacienton. Li ĉirkaŭrigardas, ne plaĉas al li la griza unutono de la ĉambro, nek la polvokovritaj fenestrokurtenoj barantaj la vojon de la sunlumo. Li ne estas kontenta pri la palaj vangoj, zorgplugitaj fruntoj de la ĉeestantoj. Li komencas paroli, ŝerci, doni konsilojn, rakonti bagatelaĵojn, iom sarkasme aludi je niaj vundeblaj flankoj, sed mirinde, dum tiu ĉi neatendita vizito iom post iom lacaj, nigraj papilioj flugas for el la ĉambro; tra la kurtenoj ŝtelas sin petolaj sunradioj, la sulkoj glatiĝas sur la fruntoj kaj mi vidas, ke la vireto mirakle plenkreskas, fariĝas suverena, estras min kaj ĉiujn, kiuj aŭskultas lin. Lin aŭdante ni forgesas la taĝajn zorgojn kaj volonte cedas al lia *Gaja Muzo* kiu tiklas nin je rido, ridego. Stranga psiĥiatro estas Raymond Schwartz, kiu per sia plumlanco ofte dorne karesas, sed ne por ofendi, nur por vipeti la inertajn nervojn. Li estas bona psiĥiatro, ĉar li alportas bonhumoron, konsolan ridon kaj tute ne gravas por li, ke la pacientoj estas aŭ ne estas dankemaj. Ne gravas la opinio de la klaĉulino, „ke la aŭtoro estas..."; ne gravas la severa kritiko de prudaj okulturnantoj; ne gravas la recenzo de plenblovita redaktoro, ĉar ĉiuj senescepte en si mem estas devigataj rekoni la talenton, la lertecon de la psiĥiatro, kiu donas en la buŝon de „normalulo" konsilon kaj per tio eĉ kritikon pri sia verko: *„Gaudeamus igitur."*

Mi estas konvinkita pri la certa sukceso, kiu ebligos la baldaŭan duan eldonon, ĉar la trafaj vortludoj, bonegaj rimoj, spritaj rakontetoj ne povas forsoni sen efiko. Ni ne devas rekomendi la libron, ĉar ĝi ne bezonas tion, havanta aŭtoron, kies nomo jam anticipis la aperon de lia verko. *Jobo.*

BUKEDO

*kolekto de literaturaĵoj originalaj kaj tradukitaj de diversnaciaj aŭtoroj. Reviziita de Zanoni. II.-a volumo. T. & H. Jung, Horrem bei Köln, Germanujo. 1923. 78 paĝoj. Prezo nemontrita.*

La dua kolekto estas same altnivela kiel la unua. Dank'al la eminenta stilisto Zanoni ĝi havas ĝenerale bonan impreson. Lia delikata gusto efike prezentas veran „bukedon" al la legantoj. En tiu-ĉi *„Bukedo"* proponas sin la plej malsamspecaj floroj kun pompa diverskoloreco. Ĉiu literaturaĵo laŭdas sian aŭtoron aŭ sian tradukinton. El la originaloj aparte estas menciindaj: la profundsenca ĉarma noveleto de Teo Jung „Du pinarboj", la frapante freŝa „Du deziroj" de N. Hohlov. En la noveleto „Kiam la luno brilas" Curt Balasus montras sian evoluantan talenton. Estas agrable legi la satirajn leterojn de E. Hevesi kaj la tragedifinan skizon „Paŝao Hasano" de St. Zivanovic. La stiloj estas korektaj, individue distingeblaj kaj ni juĝas la libron tre taŭga eĉ por komencantoj, kiuj trovos en ĝi imitindajn frazkonstruojn. Vere, la serio estas daŭriginda. *F. A.*

Globus presartinstituto A. S., Budapest. Direktoro de presejo: M. Havas